# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto: H. Hodler.†**
**Redaktoro: Robert Kreuz, L.K.**

**Redakcio: 1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

# MONAKO

Montekarlo, vidita de la fortikaĵo Antono

*Apud la vasta Mediteraneo etendiĝas la Princlando Monako, memorigante jen la historian epokon de, la gvelfoj kaj de l'gibelinoj, jen la nekompareblajn naturbelaĵojn de la lazura marbordo. Lando de revo — celpunkto sopirata.*

**ENHAVO:**





**31-a Jaro N° 420-21**

**AŬGUSTO-SEPTEMBRO 1935**

# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

27-a Administra Jaro 1934/35
N-ro 10 — Aŭg./Sept. 1935

---

*Protokolo pri la Kunveno de la Komitato de UEA en Romo.*

Ni permesas al ni, provizore atentigi la komitatanojn pri la resuma raporto rilate la komitatan kunvenon en Romo sur pĝ. 129(17). La kompleta protokolo estos dissendata, tuj kiam ni ricevos la manuskripton de la protokolinto.

*Al la Ĉefdelegitoj kaj Perantoj.*

*Finkalkulo 1935.* — Ni petas pri *tuja* sendo de ankoraŭ reguligotaj spezofolioj por eviti labor-amasiĝon kaj komplikajojn okaze de la proksima fino de la asocia jaro. Ni jam nun petas antaŭvidi sufiĉe fruan finkalkulon por la bilanco je oktobro-fino.

*Asocia Jaro 1936.* — Por eviti superfluan korespondon, ni sciigas hodiaŭ, ke ĉiu materialo por la asocia jaro 1936 estas jam en preparo por dissendo en oktobro kun ĉiuj instrukcioj por la venonta agado.

*Jarlibro 1935 (Suplemento al 1934).*

Ni atentigas ankoraŭfoje al nia rilata sciigo en la « Of. Inf. », nº 9, Julio 1935. La suplemento estos bonorde sendata al ĉiuj aktivaj membroj antaŭ la fino de la asocia jaro (30.10.35).

*Nova sukceso ĉe la hungara poŝto.*

La efiko de nia alvoko en la julia numero (Komp. la « Of. Inf », nº 9, julio kaj pĝ. 104(8) de « Esperanto ») estis treege malgranda. Ni insiste petas pri vasta subteno de tiu ĉi grava propaganda iniciato.

10 Septembro 1935.

Robert Kreuz, Direktoro.

### ADRESARO: NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Argentino**

*Rosario de Santa Fé.* — D : Hugo J. Ceretti, Radio-inĝ., Rua 9 de Julio 3301.

**Aŭstralio**

*Blackheath.* — D : F. A. W. Thomas, « Bonzara » Seaforth Rd.
*Alectown.* — D : E. Unger.

**Brazilo**

*Jaguaquara.* — D : D-ro A. Moreira de Silva.

**Ĉeĥoslovakio**

*Rosental bei Brüx.* — D : Franz Krämer, Rosental 29.

**Francujo**

*Maisonnais.* — D : Pierre Delage.
*Nantes.* — D : Georges Privot, 12 bis Rue des Coutances.
VD : Lepeintre, 1, rue Saget.

**Hungarujo**

*Bákoshegy.* — D : Elemer Kirschbauer, Gr. Csáky-u. 23. P. 11. 25.

**Indoĥinujo**

*Saïgon* (Koŝinĥinujo). — D : Phan Ba (Lan). Prof. 54, Rue Marchaise. VD : Anh Do Ngoc. 72, rue d'Ormay.
*Mytho* (Koŝinĥinujo). — D : Nguyen van Trinh, Librairie Nam Cuong.
VD : Tran Phiet, Fotografisto, Thanh My Photo.

**Japanujo**

*Kioto.* — D : Motono Seigo, Kamikyó-ku, 58. Tózijn-Kitamati.

**Jugoslavio**

*Banja-Luka.* — D : F-ino Anna Szalaj, Kralja Alfonza ulica.

**Manĉurio**

*Dairen.* — D : K. Tokuyasu, Dairen-Customs.

**Nederlando**

*Amersfoort.* — D : J. J. H. Teunissen. Soesterweg 508.

**Polujo**

*Novy Sacz.* — D : J. Migacz, Dlugosza 20.

**Rumanujo**

*Sft. Gheorghe.* — D: Ladislao Biro, Desegnisto. p. a. Fabrica de Tesut. Klinger.
*Aninoasa.* — D : Anton Horvath, Mekanikisto, Jud. Hunedoara.
*Lupeni.* — D : Aleksandro Imboreanu. Col. Braia 249.
*Craiova.* — D : Francisko Zemredi str. Vocvodul Mihai 38.

**Usono**

*Greene* (N. Y.). — D : Ivan A. Boyce.
*Cottage Crove.* — D : George T. Stephen, 36 N. 7th .St.

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ:

*Belgujo:* Genval.
*Ĉeĥoslovakio:* Cebiv (Zebau), Parnik, Staré Mesto u Frydku, Stonava. Runina p. Velka Polena, Ostroměr, Plzen (V. Del.)
*Danujo:* Soender Vissing.
*Francujo:* Paris (FD. loĝado-vidindajoj.)
*Germanujo:* Rieste.
*Hispanujo:* La Linea
*Polujo:* Radom.
*Usono:* Arden.

*La supraj elektoj fariĝas validaj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la elektitoj agas provizore.*

### Niaj mortintoj

S-ro Francesc Gorgues, Barcelona, perdis sian patrinon (28.5).
S-ro D-ro F. Aubry, 12 bis r. de Coligny, Le Havre.
S-ro D-ro L. Plantier, Bd. de la République, Annonay.
S-ro Fruteau, 69 Av. Foch, Neuilly-Plaisance (Seine).
S-ro Leo Funken, Koblenz-O. perdis sian patron.
F-ino Anna Bergsted, Vahlbäk, Näsinge, Del. UEA (10.6.1935).
S-ro Fr. Stephens, Skulptisto, Arden. (U.S.A.) Del. UEA. (16.6.1935).
F-ino Gabrielle Gérard, Paris, Honora membro UEA, perdis sain patrinon S-inon Vidv. Emile Gérard (9.7.1935).
S-ro Ed. Pent, Pärnu (Estonio) (11.7.1935).
S-ro Emanuel Kubàsek, Plzen, (Ĉeĥoslovakio) malnova membro kaj Del. UEA (18.7.1935).
S-ro Iohano Medrea, Sighisoara (Rumanujo).
F-ino Eugenia Morariu en Cluj, Ĉefdel. UEA por Rumanujo kaj S-ro Tiberio Morariu en Orebrö (Svedujo) perdis sian patrinon, S-inon Ireno Morariu en Cluj (15.8.1935).
Sincerajn kondolencojn.

### Naskiĝoj

Al gesinjoroj H. Vande Genachte-Fleurbaey, Wenduine, naskiĝis filino Lily (29.4.1935).
Al gesinjoroj Kamiel Feryn-Van Ryckeeghm, Lichtervelde (Belgujo) naskiĝis la dek-dua infaneto «Georges-René-Yvo» (6.8.1935).
Niajn korajn bondezirojn.

# GRAVA ILO DE CIVILIZACIO

Portante nian penson al antaŭhistoriaj tempoj, kiam ankoraŭ la homoj vivis tute sovaĝe, kiam ankoraŭ ne formiĝis la unuaj gentoj, ni povas kompreni, ke tiuj homoj ne parolis iun lingvon.

Per neregulaj sovaĝaj krioj ili vokis unu la alian kaj nur poste ili komencis, per serio da tiaj krioj, esprimi la unuajn simplajn pensojn, kiuj maturiĝis en iliaj mensoj edukitaj ne ankoraŭ.

Niaj prauloj vivante kune kaj komencante paroli pri komunaj, materiaj aferoj naskiĝantaj el tiu sama vivo, kreis la unuajn elementojn de vere natura lingvo kiun oni pliriĉigis laŭkaprice, laŭgrade, laŭnecese.

De tiu momento, ni povas diri, komencis la homa progreso.

Komuna vivado kreis novajn bezonojn, novajn taskojn, grandajn kaj malgrandajn laborojn, interŝanĝon de varoj, servoj, k.t.p.

Tia laboro, tia movado, tiaj bezonoj, devigantaj la homojn daŭre kontakti unu kun la alia, devigis ilin ankaŭ krei vortojn por interrilati pri tiaj novaj temoj, konstruante tiel, veran taŭgan lingvon.

Juĝante malserioze ni povas kredi la homan egoismon unika levilo, sola movilo de nia socio, sed bone observante, ni ekvidas, ke idealimo estas la ĉefa gvidanto de la mondo, kiel la spirita, nemateria, ideala vivo estas la fundamento de socia organizaĵo, ankaŭ se ĝin oni atingas post longa tempo kaj longa prilaboro de socia sistemo.

Tra la jarcentoj, tra la jarmiloj egoismo cedas, kuntiriĝas sub premado de la spiritaj idealaj fortoj.

Se la ĉefa estro de civilizacio estas idealismo la ĉefa ilo, per kiu oni povas atingi kiun ajn progreson, estas la lingvo.

Efektive la lingvo taŭgas, kaj helpas al pripensado, al naskiĝo de ideoj : Ideoj pri socia organizo, pri religia dogmo, pri tekniko, arto, pri literaturo kaj poezio, pasamuzaĵoj, ludaĵoj, k.t.p

Per natura primitiva lingvo la homoj donas al homoj rezultatojn de siaj intelektaj penadoj, konkludojn de siaj elserĉadoj, fruktojn de siaj studado kaj laborado. Per lingvo neniam perdiĝas elpensaĵoj kaj eltrovaĵoj de geniuloj ; per lingvo ĉiuj aktivecoj de la homaro atingas regulecon, ordon, disciplinon, difinitan celon.

La Majstroj de la penso sin oferante por la bono de l'homaro studas homajn, kulturajn, sciencajn demandojn, pripensas idealajn, novajn visvistemojn kaj movadojn, kiuj povas plialtigi la vivnivelon de popolo, kaj ĉiam per lingvo ili instruas, edukas al siaj disĉiploj kaj al malkleruloj, al suferantaj malfeliĉuloj de homa societo, novajn sanktajn devojn, rajtojn, principojn, altajn celojn de vivo ; instruas al ĉiuj vivon ĉiam pli perfektan.

Ilo de granduloj kaj saĝuloj, armilo de idealistoj estas la lingvo. Analizante homajn kutimojn, morojn, virtojn kaj malvirtojn la artistoj de la lingvo verkas. Iliaj verkoj donas al ĉiuj idealan viveblan pliperfekton aŭ pliperfekteblan vivon laŭ religia, politika aŭ socia vidpunkto, kreante laŭgrade similecon de sentoj, deziroj, ebligante harmonion fruktoplenan inter la malsamaj klasoj de iu popolo.

Al literaturoj verkoj alpaŝas unuopaj indiduoj de iu popolo kaj gravaj, religiaj aŭ gajaj skribaĵoj eluzas egoismajn tendencojn de popolo kaj ankaŭ amuzante instruas, ĝentiligas la animojn kaj morojn, de urbanoj aŭ kamparanoj.

La lingvo permesas, kaj perfektigas rilatojn inter laboristoj kaj teknikistoj ; ebligas progresadon per efika komprenado inter teknikistoj kaj scienculoj. La unuaj estas gvidataj en sia ĉiutaga penado je intelekta helpo al studuloj. Ĉilastaj eluzas la spertojn de tiuj por siaj provoj kaj studoj sciencaj.

Kvazaŭ sendependaj, ĉiuj fakoj de homa kono progresas kaj disvastiĝas iom post iom laŭ leĝo de evolucio. Sed tiaj fakaj konoj nur ŝajne estas aparte progresintaj, ĉar progresado de iu dependas aŭ estas ligata al progresado de la aliaj.

Ĝenerala ĉiuj popoloj vivantaj laŭ samaj leĝoj kaj en samaj limoj, ankaŭ parolante diversajn plurajn dialektojn posedas aŭ akceptis unikan nacian lingvon.

Nacia lingvo, nacia historio, nacia literaturo, naciaj idealoj, nacia civilizacio. Ĉiam al lingvo rilatas unu socio, unu civilizacio, unu popolo.

Nur dum la lastaj centjaroj, internacia trafiko, lernado de fremdaj gravaj lingvoj, klasikaj kaj sciencaj studadoj, sporto inter personoj de ĉiuj landoj, elmigrado de laboristoj, ktp., ebligis iom post iom civilizadon de la mondo laŭ universala, internacia vidpunkto.

Por tio en multaj landoj oni forlasis antikvajn tradiciajn leĝojn kaj morojn por sekvi tiujn de aliaj pli civilizitaj nacioj.

Sed nun, post troampleksiĝo de rilatoj inter la homoj de malsamaj lingvoj, post multobliĝintaj movadoj turisma, kultura, teknika ; post progresado kaj regado de radio en la internacia kampo por ĉiuj celoj, komuna helpilo estas necesa la lingvo internacia.

Gravan rolon havas tiu lingvo internacia. Do, grava ilo estas Esperanto.

Al ĝi ni ŝuldos unueciĝon de klopodoj, penadoj, studadoj de ĉiuj individuoj de la tuta mondo por la homa progresado.

Al ĝi ni ŝuldos unueciĝon de kulturo, kaj de teknika civilizado.

Al ĝi ni ŝuldos novan etikon, novan spiritan animstaton de gentoj ; novan socion, vivata laŭ pacaj civilaj principoj de justeco, de egaleco, de amo.

Esperanto estas grava ilo por atingi la veran universalan civilizacion, la veran harmonion de la vivo.

Ne timu niaj dubemaj samideanoj, kiuj en malrapideco de esperanto-progresado vidas danĝeron al sukceso de nia afero.

Komuna estas helplingvo morala kaj materia necesaĵo de estonta socio, de estonta vivo. Neniu kaj nenio povos haltigi ĝian marŝadon, ĉar ĝi reprezentas novan racian perfektigon de l'socio, novan racian civilizacion, al kiu celas la homaro.

Carlo PADERNO, Palazzolo (Ital.).

# Geografio de Etiopio

La teritorio de Etiopio, sub la suvereneco de l' « Negusa Nagast », la imperiestro de Etiopio, ampleksas proksimume 1.120.000 kvadrat-kilometrojn. Tio estas pli ol Francujo kaj Germanujo kune. Preciza mezurado de la etendiĝo neniam okazis; ĝi ankaŭ ne estas konstatebla sen malfacilaĵoj, ĉar ne ĉie estas sendube fiksitaj la limoj. En la nordo kaj la nord-oriento ĝi limas al la itala kolonio Eritreo, en la oriento al la Egipta Sudano. En la sudo ĝi najbariĝas al la brita kolonio Ugando kaj al Itala Somalio. En la oriento Etiopio limas al la malgranda Franca Somalio kaj al Angla Somalio.

La tuta teritorio ne formas geografian unuecon. Oni kutime distingas kvar partojn, malegalajn laŭ etendiĝo. La plej malgranda parto nord-orienta kaj preskaŭ nur dezerta estas la Dankali-regiono. Ĝi estas malalta ebeno, kiu okcidente limas al la orientaj deklivoj de la abisenia altaĵo, kiuj etendiĝas de nordo al sudo en proksimuma alteco de 2.000 2.400 metroj. En la sudo la altaĵo-ĉenoj de Harrar disigas la teritorion de la altaĵa lando de l'Somalianoj. En la nordo de Dankalio troviĝas la sal'- lago Assale kaj ĉirkaŭ 100 metrojn sub la mara nivelo la absolute dezerta « sal-ebeno ». Pli vasta estas la dua regiono, la altaĵa lando Somalio. Ĝi komencas en la montaroj de Harrar kaj deklivas laŭgrade ĝis la hinda oceano. La regiono ĉirkaŭ Harrar estas fruktedona. Ĝi havas arbarojn, sed sude de ĝi estas senfina stepo kaj senakva dezerto. Ŝajnas, ke la valo de la rivero Vebi Ŝebeli estas fruktodona. La teritorio okcidente de ĝi ankoraŭ ne estas sufiĉe esplorita. Sudokcidente estas la tria ĉef-teritorio la altaĵa lando de l'galoj; ĝi deklivas en la okcidento al la profundaj valoj de l'Sudano. En sia orienta parto ĝi ĉirkaŭas la landon Sidamo, tre fruktodonan kaj riĉe akvumitan altebenon (proks. 1800 m super la maro), kiu finiĝas en la nordo de alta montara ĉeno, atinganta je kelkaj pintoj, ĝis 3400 m. Pli sude troviĝas la senakva dezerto Boran. Pli okcidente estas la « orienta deklivo-valo », zonita de altaj montoj kaj ornamita de multenombraj lagoj. Ĝi evidente estas daŭrigo de la orient-afrika lagaro, al kies plej norda kaj plej granda ero, la Rudolf-lago, najbaras la etiopia regno. Ĝi estas samtempe la transirejo al la tiel nomata « abisenia koridoro », kiu kuŝas inter la montoj de Harrar kaj la sudokcidentaj randoj de l'fakta etiopia altaĵ-lando, kies direkton ĝenerale montras la fervoja linio de Ĝibuti al Addis-Abeba. Okcidente de la lago « Reĝino Margareto », la plej granda sur etiopia teritorio, estas la monto Guge, la plej alta el la montoj, zonantaj la deklivan valon, kun 4.200 m. El la lagoj nur la plej norda, la Cvai-lago, havanta dolĉan akvon, estas ĉirkaŭata de fruktedona tereno; la cetera lagoj enhavas sufiĉe grande da salo aŭ sodo kaj estas en teritorioj akvo-malriĉaj aŭ ekonomie senvaloraj.

La plej grava parto de l'etiopia regno estas la malnova kern-lando, la alte kuŝanta fakta Etiopio. Ĝi formas hodiaŭ proksimume la nordokcidentan kvaronon de la regno. Ĝi estas la koro de la imperio. Tiel longe, kiel restos libera ĉi tiu landparto, Etiopio ne subiĝos al fremda regado. La popolo de tiu ĉi altaĵa lando estas la vera reprezentanto de la regna ideo. En ĝiaj limoj estas la malnovaj « reĝlandoj » de Tigre (aŭ Tigrai) de Amhara, Ŝoa kaj Gojiam, la heredolandoj de la potencaj feŭdaluloj de Etiopio.

En okcidento, kie la altaĵo deklivas iom post iom en vico da terasoj ĝis la ebenlando de Sudano, kaj en la nordo, la fakta Etiopio etendiĝas ĝis la nuntempaj limoj de l'imperio. En oriento kruta rand-montaro — irante preskaŭ akurate de nordo al sudo — formas la naturan limon. En la sudo, ĉe la limo de l'teritorio, troviĝas la ĉefurbo Addis-Abeba, fondita de l'imperiestro Menelik. La altaĵo estas meze 1.500-1.800 m. super la mar-nivelo. La etiopia altaĵ-lando diferencas senteble de eŭropa. Ekzemple en Svislando la pintoj kaj altaĵoj estas senfruktaj, dume la valoj estas larĝaj kaj tre fruktedonaj. En Etiopio oni konstatas la malon. La alte situitaj partoj de la landoj — kun escepto de kelkaj montar-pintoj kiel la « Ras Dascian » kun 4.620 m., inter Adua kaj la Tana-lago — ĝenerale estas altebenaĵoj, la valoj profundaj intermontaĵoj, ofte ĝis 600 m. sub la ĝenerala altec-nivelo de la lando; la intermontaĵoj estas trafik-baroj, tre malfacile venkeblaj.

La valoj de la altebeno apartenas ĝenerale al la akvo-uzaj teritorioj de la flankriveroj de la Nilo, de l' Blua Nilo (Abbai) kaj de l'Atbara; la supera parto de ĉi-lasta vere estas la Takacije, kiu dum la jaro perdiĝas en la sablo, sed dum la pluvo-periodo kreskegas je terura montara riverego. La Abbai (Blua Nilo), elfluo de la Tana-lago, estas la plej grava akvofluo de Etiopio, kiu ankaŭ havas gravecon por la akvo-provizado de Sudano kaj Egipto. La riveroj, fluantaj sud-orienten al la hinda oceano, havas tute alian karakteron. La Vebi Ŝebeli, la plej granda rivero el ili kolektas la akvon de kvarono de la imperio; ĝi estas, je longaj distancoj, ŝipirebla. Ĝi trafluas arbaran kaj bone kulturitan teron, sed perdiĝas en la marĉa malalt-ebeno proksime de l'oceano. Okcidente de ĝi la Veb kaj la Ganale Doria formas la Juba-riveron, uzeblan de malgrandaj vaporŝipoj.

Nordorienten unu sola rivero fluas el la altebenaĵo, la Havaŝ. Ĝia fonto estas proksime de Addis-Abeba, sed ankaŭ ĝi ne atingas la oceanon; ĝi perdiĝas en la marĉ-lando ĉe la malgrandaj lagoj apud la limo de Etiopio kaj de Somalio franca. En la altebeno la riveroj estas seriozaj trafikbariloj, ĉar preskaŭ ne ekzistas pontoj. Dum la pluvo-periodo, kiam la riveretoj pli grandiĝas kolose, la plej granda parto de la lando restas sen trafik-eblecoj. Ĝis nun oni ne utiligis la sendube tre konsiderindajn akvofortojn de la lando por produktado de energio.

En Etiopio ekzistas nur du sezonoj, el kiu unu la seka. En la altebeno ĝi daŭras de oktobro ĝis majo aŭ junio. La alia estas la pluvoperiodo. En la marborda regiono kaj en la malaltebena Dankalio la pluvo-periodo estas dum la eŭropa vintro. Dum la proporcie mallonga pluvo-periodo falas konsiderindaj, parte eĉ grandegaj akvokvantoj. El tio rezultas esence malsameco de la klimato kompare al tiu de la najbara Sudano. La etiopia altebenaĵo, kompare al Sudano kaj la apudmaraj landoj ĉe la Ruĝa Maro, estas malvarmeta. La plej varmegaj monatoj estas aprilo, majo, junio; la plej malvarmetaj estas septembro kaj oktobro.

Pri la klimato de la altebenaĵo oni povas ĝenerale diri, ke ĝi estas sana.

N. C.

# La Problemo de Tutmonda Malarmado

VIII.

### ONI DEVAS KIEL EBLE PLEJ FRUE ORGANIZI LA MONDPACAN MOVADON !

Sumo de la tutmonda armiĝado, portanta la sigelon de rivaleco, estas do la nekredebla pliriĉiĝo de malplimulto kaj terura malriĉiĝo de ĉirkaŭ 50 milionoj da homoj kun siaj familioj. Ĝi estas ankaŭ ligita kun la parta aŭ plena senokupo. Tiu rivaleco havis nek — kia ironio ! — kiel postsekvon la plialtigon de prezoj por la materialo, kiun la militindustrio transformigas.

*Sed multe pli danĝera ol la ekonomia estas la anima malorganiziĝo de tiu rivaleco* ! La homo ĝin ne aprobas, ĉar ĝi ekonomie malutilas al li (se ĝi jam idee ne estas molesta al li). Li havas la senton, ke oni agas kontraŭ liaj kunhomoj. Tiu sento estiĝas ĉiam pli forta kaj konkreta kaj ĝin ne povas forigi ĉiuj eĉ tiel rafinitaj signalvortoj pri fremda danĝero.

La homo-izolulo estas kontraŭ tiu freneza vetludado senforta. Li scias, ke ĝi lin pereigas materiale kaj morale, sed al li ŝajnas, ke estus ĉiu penado, kiamaniere tiun frenezan rivalecan armiĝadon malebligi, tute vana eksperimento. Kaj oni povas pardoni al li, ke li tiel pensas. Oni ne povas cetere pardoni lian indiferentecon. Ĉar tiel longe, kiel la homaro estos indiferenta kaj rezignacia, neniu al ĝi helpos, eĉ ne la tiel klara ekkono.

Kiam estas necesaj la kardinalaj ŝanĝoj, ne sufiĉas la ekkono de malbonaĵo en ĉiuj detaloj, sed se oni volas forigi tiun malbonaĵon, oni devas kontraŭbatali ĝin. Kaj kiu hodiaŭ ne havas la saman deziron ?

Ĉiu granda vero estas simpla. Ankoraŭ pri ĝia realigo ni renkontas la malfacilaĵojn, kiujn oni devas venki. Ni ne kredas, ke la popoloj de la tuta mondo — al ĉiuj tiu penso estas komuna — ne povas sukcese entrepreni por la defendo de siaj vere vivbezonaj interesoj. Sekve de tio oni povas plej sukcese kontraŭstari la rivalecan armiĝadon !

Ni ne pensas nur pri la nuntempa generacio, sed ankaŭ pri estontaj generacioj. Ili nin malbenados, se ni ne ekmoviĝos kaj ne montros nian bonan volon kaj kapablecon, eniri kontraŭ la malgranda nombro de niaj ekspluatantoj !

Ni konsciiĝas je tio, ke nia laboro estas malegoisma, destinata por ĉiuj popoloj de la mondo sen diferenco. *Konsciiĝi ni devas ankaŭ, ke ĉiu el ni estas ĉe tiu penado heroldo de la tuta homaro, kiu parte eble silentas sed kun ni kunsentas.* Kiel okaze de simpatio de la tuta mondo ne inspirus ĉiun unuopulon sen diferenco la konscio de grandega forto, la konscio, ke preter ĉiu el ni ja parolas la cent milionoj da kunhomoj ? Mallonge dirite, kiu povus kontraŭstari al la volo de la tuta homaro, se ĝi esprimas ĝin manifestmaniere ?

Ni scias, ke ĉio tio estas la nuda vero kaj tiel simpla, kiel ĉiuj grandaj veroj. Sed ni scias ankaŭ, ke dum la nuntempa situacio ĉiu vere paca manifestacio estas neebla. Kaj tio nur ĉar ĝi malhavas la fundamentan kondiĉon de ĉiu grandstila movado, nome la unuecon !

Sed, kio mankas, tion ni povas krei. *Ni estas decidaj eniri contraŭ la freneza armiĝa konkurado en la nomo de la homaro kun la signalvorto : Por la Mondpaco* !

Tiu nia volado, nia volo, ne estas iu iluzio, deziro : Tio estas nia programo. Kiam starigas centmiloj da homoj la programon, la sukceso estas jam antaŭe certigata. Se povas kelkiuj efektivigi sian volon kontraŭ la tuta homaro, estus absurde, se ankaŭ la kontraŭo ne estus ebla !

Se ni volas, ke nia volado estos videbla kaj aŭdebla, oni devas tion esprimi manifestmaniere. Sed ĉar nia movado havas universalan karakteron — ĝi ja faras nenian diferencon inter ĉiuj popoloj de la mondo — tiu manifestacio devas esti samtempe impona !

La lasta adepto de nia ideo devas senĉese havi antaŭ la okuloj la bonon de la tuta homaro. Ĉiu ano devas en la servo de tiu ideo demeti ĉiujn bagatelajn politikajn antaŭjuĝojn. Resume : *Ĉiu nia ano devas pensi vere universale en sia plej esenca volado.*

Per tiel fermentita homaro ni povas facile aperi antaŭ la juĝo de historio.

Se ni diras, ke ĉiu nia adepto devas esti esence universala, ni volas per tio diri, ke li ne bezonas alion, ol forjeti la tutan influon, per kiu lin kovris la malmultnombraj interesitoj. La homo ja estas en sia esenco universala jam je sia naskiĝo.

Kial do ne estus eble unuigi la homojn de tiel samaj fundamentoj, unuigi ĉiujn popolojn ? Kaj ĝuste tion ni volas. Kaj tion ni ankaŭ atingos per la sugestio de l'simpla vero !

*Tial ni apelacias jam de ĉi tiu loko al la tuta homaro:*

**POPOLOJ**

**de ĉiuj kvin kontinentoj senprokraste**

**POSTULU**

1) Ke ĉesu la freneza kaj sensenca rivaleca mondarmado, kiu kondukas la mondon al pereo ;

2) Ke ĉiu ŝtato fordonu en apartan internacian fondon 10% de ĉiujaraj oficialaj elspezoj por armiĝado. Tiu mono estu eluzata por koloniigo de grandegaj ampleksoj de uzebla kaj riĉa tero en ĉiuj mondpartoj.

3) Postulu la progresivan malarmiĝon de ĉiuj ŝtatoj tiamaniere, ke la jam ekzistantaj mortigaj armiloj transformiĝu aŭ transfandiĝu en objektojn utilajn, al la tuta homaro.

Ni estas konvinkitaj, ke ni parolas el la fundo de animo de ĉiuj popoloj. Ni konscias, ke la supraj postuloj estas minimumo, kiun povas postuli la homa digneco ! La granda sopiro de ĉiuj popoloj nur atendas kaj serĉadas la manieron, kiel ĝi povas publike manifesti. *(Fino.)*

J. K. Belltyn.

# LA NOKTFANTOMO

Estis printempo 1912, kiam mi faris memorindan migradon. Mi ĵus estis iranta en la Nigra Arbaro tra la tiel nomata « alttorfejo », lokita sur altaĵo de preskaŭ mil metroj. Sur la firma tero ĉirkaŭe kreskis kriplaj pinoj kaj eriko ĉe l'horizonto videbliĝis arbaro, la loko estis apenaŭ tuŝita per kiu ajn sono, mallaŭta vento blovis. Ĉi tie la majo produktis nur malmulte da floroj. Trans la vojon iufoje rampis vipero, la sola estaĵo kiun mi rimarkis krom mi mem.

Komencis krepuski. Mi rigardis la horloĝon. Urĝis al mi atingi gastejon, ĉar sur tiu ĉi altebenaĵo situis iu ; ĝi nomis sin « rifuĝejo » kaj devis esti sufiĉe proksime. Post kvaronhoro mi denove eniris la arbaron, konsistantan el belegaj piceoj. Kie ili kreskis iom pli maldense, oni povis kredi, ke oni vidas tombejon, ĉar inter la mallumaj arboj kuŝis multe da izolataj, blankaj ŝtonoj.

Mi senpacienciĝas, estante laca kaj malsata, sed la serĉata domo ne aperas. Ĉe eta maldensaĵo staras turista kabano, farita el ligno. Ĉu ĝi estas malfermita ? Mi premas la anson, eniras kaj lumigas la internon per elektra poŝlampo. La ejo estas malplena, en la posta vando troviĝas fenestreto, benkoj laŭlonge de l'flankaj vandoj. Kelkloke vizitintoj postlasis signojn : meze estas cindro de estingiĝinta fajro, sub unu benko malnova lankovraĵo, enhavanta kiujn ajn objektojn, apude amaso da branĉoj.

Ekstere la vento alpelis pezajn nubojn. Estas necerte kiom daŭros la vojo, laŭŝajne pluvos. Pripensinte mi decidis tranokti ĉi tie.

Mi manĝas kaj trinkas iom el mia vojaĝprovizaĵo, fiksas sonorilon al la pordo, por ke iu enironta homo nepre veku min kaj etendas min sur benko, la revolvero prenpreta. Sed malgraŭ ĉiu singardo mi sentas strangan malkvietecon. Muĝas la plifortiĝanta vento, ĝemas la piceoj kaj kiam la bruo malpliiĝas, ŝajnas al mi, ke mi aŭdas paŝojn.

« Nenio timinda », mi diras al mi mem, « mi ja firmligis la sonorilon ».

Tamen miaj rigardoj vagas momenton tra la mallumo, kaj mi ektremas per la tuta korpo. Iu fajra vizaĝo grimaca tie sub la benko, kie kuŝas la kovraĵo kaj la branĉoj. Mi leviĝas, direktas al tiu loko mian brulantan lampon. Nenio aliiĝis. La branĉoj kuŝas kiel antaŭe, mi eĉ ekzamenas ilin per la manoj, sed mi nur rimarkas, ke ili putras kaj sekve fosforas. Jen la klarigo ; mi do ridetante reiris al mia kuŝejo, ripozigis min kaj baldaŭ ekdormis.

En malfrua nokto mi havis timigan sonĝon. Mi konsciis bone pri mia estado en tiu ĉi ejo ; el sub la kontraŭa benko elrampis subite iu individuo, briletanta en verda fajro kiel la putra ligno, alpaŝis min tute proksime kaj rikanis diable. Ĝi pugnigis la fortmuskolan brakon kaj levis ĝin, kvazaŭ por bati. Mi klopodis uzi mian armilon, sed ne sukcesis. Inkubo premegis min, kaj mi vekiĝis. La fantomo estis malaperinta. Nur en tiu angulo brilis la fajro-verda vizaĝo, vidita jam antaŭ mia ekdormo. Mi lumigis la ejon ; nenio restis krom branĉoj. « Nu » sufiĉas », mi pensis, estingante kaj forŝovante la lanternon, kaj aŭskultis senvole ĉiujn mallaŭtajn bruojn de l'nokto. La vento muĝis pli malforte, kvazaŭ plendis de malproksime, ankaŭ la serioza ĝemado de l'arboj estis pli mallaŭta ol antaŭe. Ili ŝajne flustris unu kun la alia.

Sed inter ĉi tiuj sonoj mi kredis aŭdi, ke en mia kabano kiu ajn spiris... Aŭ ĉu estis halucinacio ? Ne, iu spiris ; klare mi rimarkis tion, kaj la spiroj venis de tiu angulo, kie kuŝis la lankovriloj. Mi volonte estus fortirinta ĝin, sed mi ne riskis. La timo malhelpis miajn membrojn ; mi eĉ ne povis plu turni la kapon en la direkto de l'fajra grimaco.

Intense batadis mia koro, forrestis la dormo. Fine pepis kelkaj birdoj, anoncante la matenon. Taglumo enpenetris de ekstere. Nun mi ekstaris, proksimiĝis al la kontraŭabenko kaj decide fortiris parte la kovrilon...

Mi surpriziĝis. Antaŭ mi sur la tero dormis viro, verŝajne kampulo, juna, ĉirkaŭe dudek-kvinjara. Subite li skuiĝis, ne vekiĝante, kaj diris en profunda narkoto :

« Kial vi forprenas mian kovrilon, sinjorino Müller ? Lasu, mi frostemas ».

Evidente li opiniis paroli kun sia mastrino. Mi tuj rekovris lin, sed sub la kovrilo li daŭrigis tute kompreneble :

« Estas mi, kara Ursel... Vi miras pri tio, ke hodiaŭ mi revenas al Svislando ? Mi rakontos al vi mian malfeliĉon... Indulgu min, se mi pekis, sed mi ne povis agi alie... Vizitis min en la vilaĝo iu vojaĝisto, kiu vendis tabakaĵojn pogrande. Ĉar mi emis aĉeti ion ĉe li kaj li estas lerta, ruza homo, li instigis min fari aĉet-kontrakton... Post kiam mi estis subskribinta, li petis pri glaso da akvo... Mi eliris sensuspekte por preni tiun ; intertempe li aldonis en la kontrakto nulon al la nombro de l'menditaj komercaĵoj Mi tro malfrue rimarkis la trompon kaj rifuzis akcepti la dekoblan kvanton, sed li procesis kaj la juĝistaro pravigis lin ! Kion mi, malriĉa arbarlaboristo, faru per tiom da tabakaĵoj ? Laŭjuĝe ŝarĝas min ŝuldo, kiu estas preskaŭ nepagebla. Mi ĉesigis mian ĝisnunan laboron kaj formigris. Kia okazo ! Sur iu kampa vojo, ĉe alia vilaĝo mi revidis la trompeman vojaĝiston de malproksime... Mi atendis post malalta arbustaro, elsaltis nevidata kaj terenbatis lin, tiel ke li restis kuŝanta... Lian tutan monon, kiun li certe malhavigis fraŭde al multaj homoj, mi kunprenis kaj fuĝis, kaŝita per densaj arbaroj. Nur malofte mi tuŝis vilaĝetojn kaj legis foje en iu gastejo gazetraporton pri mia rabo. Laŭ tiu raporto oni ankoraŭ ne sciis la krimfarinton... Mia kontraŭlo estis nur senkonsciiĝinta, sed difekton li ne suferis. Ĉu li mem ne estas rabisto ? Ĉu mi agnosku la rajton de tia fripono, kvankam la juĝistaro ne agnoskas la mian ? Pardonu al mi, Ursel, vi, mia lasta azilo ! Eksigu vin el via ofico, informu viajn gesinjorojn, tuj, morgaŭ... Trans la oceano ni trovos novan viveblecon »...

La sekvantajn parolojn li malklare murmuris. Kontenta pri tio, ke la junulo almenaŭ ne murdis, mi iom pripensis la strangan historion, kies aŭskultanto mi ĵus fariĝis nevole... Tiam mi ordigis kaj surŝultrigis mian pakaĵon, direktis kompateman rigardon sub la benkon kaj forlasis la kabanon.

Tiumomente estiĝis super mi subita bruo ; aerfluo ventumis miajn vangojn, kaŭzita de granda urogalo. Ĝi ekflugis per vaste etenditaj flugiloj al la interna arbaro.

Ĉio sereniĝis, viviĝis meze de l'sunradioj.

Survoje mi rerigardis. La kabano aperis ankoraŭfoje inter la branĉaro.

« Dormu bone. Pacon kaj sukceson en fremda lando ! » flustris miaj lipoj, kaj vigle mi paŝis antaŭen.

A. E. Cortinas.

# FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

— La Internacia Foiro de Reichenberg (Ĉeĥoslovakio), kiel regule, aperigis afiŝon kaj reklamilojn en Esperanto pri sia printempa foiro en 1935.

— La Esp. Turista Asocio eldonis prospekton en Esperanto pri la urbo Arboga en Svedujo.

— En sia kongreso, okazinta en Hago kaj Bruselo, en la dua dekkvino de junio 1935, la Internacia Elektroteknika Komisiono (I.E.C.) decidis ankaŭ enmeti Esperanton en la baldaŭ aperontan, normigitan elektroteknikan vortaron en angla, franca, germana, hispana kaj itala lingvoj.

— La Landa Trafika Oficejo de Supra Aŭstrio eldonis riĉe ilustritan, tre impresan plurkoloran fald-prospekton en Esperanto, «Aŭstrio, Kostumoj en Brucknerlando Supra Aŭstrio»

— La fremdultrafik-Oficejo de Vieno aperigis novan 16-paĝan, multkoloran kaj ilustritan prospekton en Esperanto de la ĉefurbo de Aŭstrio.

— La Ministerio de Instruado de Aŭstrio publikigis en junio dekreton, kiu antaŭvidas la instruon de du « mondlingvoj » (naciaj) kaj de Esperanto en la normalaj komercaj lernejoj.

— La profesora kolegio de la Altlernejo por Mondkomerco en Vieno decidis starigi lektoraton por Esperanto, kiu ekfunkcios de la venonta aŭtuno.

— La Viena Komerca Ĉambro aldonas de nun al sia oficiala publikigaĵo « Listo de Var-novaĵoj », ĝis nun aperinta nur en la lingvoj angla, franca, germana kaj itala, paralelan tekston en Esperanto.

— En la Hungara parlamento du deputitoj, D-ro A. Benard kaj D-ro Antal Eber pledis en julio sukcese por la enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

— La grandaj Magazenoj « Bon Marché » en Parizo decidis doni specialan rabaton al ĉiuj aĉetantoj, kiuj estas membroj de la Universala Esperanto-Asocio, la internacia centra organizo de la Esperanto-movado.

— La Ministerio de la Japana Ŝtat-fervojo jus publikigis duan reklamilon pri Japanujo, en Esperanto, kiu ampleksas 20 paĝojn kaj per informoj kaj belegaj bildoj donas ĉiujn sciindaĵojn pri la lando.

— En la Ĉeĥoslovaka Banurbo Lazne-Belohrad strato ricevis nomon « Aleo de D-ro Zamenhof, kreinto de Esperanto ».

— La 8-a Specimena Internacia Foiro de Rio de Janeiro dissendis plurkoloran afiŝon en Esperanto por reklami pri tiu ĉi aranĝo.

— La brazila registaro decidis diskonigi de nun la oficialajn komunikojn per Radio al la eksterlando, krom en kelkaj fremdlingvoj, ankaŭ en Esperanto.

— La 27-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Romo kaj Napolo, komence de Aŭgusto, kunigis rondcifere 1.500 partoprenintojn el pli ol 30 nacioj. Ĝi estis malfermita de la itala ministro de justeco kiel reprezentanto de Mussolini mem,

— En la kadro de la 27-a Universala Kongreso de Esperanto en Italujo, je komenco de aŭgusto 1935, okazis sukcesa turisma ekskurso de ĉ. 700 esperantistoj kaj fremdlandanoj, per aparte luita ŝipo, al Malto kaj Tripolo, sub la aŭspicioj de la Turisma Servo de la Universala Esperanto-Asocio.

— Laŭ oficiala invito de la registaro de Aŭstrio la 28-a Universala Kongreso de Esperanto en 1936 okazos en la ĉefurbo Vieno.

— La ĉefdirektoro de la poŝtoj de Aŭstrio ĵus decidis aperigi novan serion de 50 bild-poŝtkartoj, kies klariga teksto estos en la lingvoj germana, angla, franca kaj *Esperanto*.

— La Konstanta Komitato de la Internaciaj Kongresoj de la Aktuaroj (Asekur-matematikistoj) en Bruselo, ekkoninte de longe la valoron de Esperanto klopodas daŭre en siaj bultenoj pri aplikado de Esperanto por la praktikaj laboroj de aktuaroj.

— La Nacia Organizo de l'turismaj Industrioj (ENIT) kaj la Ŝtata Fervojaro itala eldonis tre interesan, riĉe ilustritan 32-paĝan broŝuron en Esperanto « Ĉu vi konas Italion ? », prezentitan tre moderne per ne-reliefa kupropreso.

— En la pasinta monato aperis tre bela 12-paĝa turisma prospekto pri Napolo kun multaj bildoj.

— La Asocio por la Fremdula Trafiko « Pro Verona » aldonis al sia plurkolora gvidfolio « Verona » en la lingvoj itala, angla, franca, germana plian tekston en Esperanto.

— La Oficejo por Fremdula Trafiko de Florenco publikigis en fino de julio 1935 tre praktikan gvidfolion 12-paĝan en Esperanto kun urboplano kaj vidindaj bildoj.

— La Foiro de Levanto en Bari (Italujo) eldonis okaze de la 27-a U. Kongreso de Esperanto en Romo kaj Napolo 24-paĝan propagandilon pri la organizo de tiu ĉi foiro.

— La urbo Romans en Sudfrancujo inaŭguris antaŭ ne longa tempo « Placon Zamenhof ».

# Turismo

### Esperanto en la Turisma Departemento de Rio de Janeiro

Antaŭ kelkaj tagoj la ĉefurbestro de Rio de Janeiro, D-ro Pedro Ernesto, invitis Brazilan Ligon Esperantistan al la kunsidoj tie regule okazantaj ; estis invitita per tiu reprezento ĉe la Foira Konsultiĝa Konsilantaro la prezidanto de la dirita Ligo, D-ro A. Couto Fernandes. Ĉe la laste okazinta kunsido, en kiu partoprenis gravaj autoritatuloj, la direktoro de Turismo D-ro Lourival Fontes, kiu ĝin prezidis, diris, ke li deziras atentigi ĉiujn, kiuj faras propagandon de Brazilo ĉu per turismo, ĉu laŭ aliaj aspektoj, al Esperanto, kiu, « *absolute ne povas esti forgesala aŭ flankmetata* ». Pri ĝia valoro li mem estas atestanto. Efektive, okaze de la Montro de Turismo, okazinta en Rio de Janeiro antaŭ kelkaj monatoj, la Departemento propagandis tiun kunvenon en pluraj lingvoj, inkluzive en Esperanto. Nu, de diversaj landoj, li ricevis kelkajn leterojn en naciaj lingvoj ; tamen, en Esperanto, li ricevas, ankoraŭ nun, meznombre 15 ĝis 20 leterojn ĉiutage, el la plej malproksimaj landoj de la tuta mondo, leterojn komunikantajn al la Departemento, ke la sendinto legis, en la helplingvo, sciigojn pri tiu Montro de Turismo. Tiu ĉi fakto — li daŭrigis — pruvas, ke Esperanto estas lingvo, kiu treege kunhelpas la diskonigadon de kiu ajn afero. Estas ankaŭ rimarkiginde, ke ĉi tiun sciigon ni esperantigis el la oficialaj publikiĝaĵoj de la Urbdepartemento ĉiutage aperantaj en la grava « Jornal do Brasil ».

La Foira Sekcio eldonis grandan afiŝon en Esperanto, kiel reklamilon de la baldaŭ okazonta 8-a Internacia Specimena Foiro de Rio de Janeiro (12 oktobro-15 novembro).

La Turisma Departemento havas ankaŭ ĉe si reprezentanton de Brazila Ligo Esperantista, nome D-ron Carlos Domingues, vicprezidanton de tiu ĉi Ligo.

**Nova eldono de Gvidlibro «Japanujo» aperis de Japana Fervoja Ministerio**

« Japanujo » estas la titolo de la nova gvidlibro kun 20 paĝoj kaj 24 ravaj fotoj. Ne tiel dika estas la eldonaĵo, tamen tre lerte kompilite ĝi prezentas ĉiujn flankojn simple, sed bone kun belaj fotoj. Per tiu ĉi libro oni povas akiri etan konon pri Japanujo, kiu estas pacolando maljuna kun historio de 3.000 jaroj kaj kiu samtempe estas juna vivoplena, moderna kaj industria lando.

« Japanujo » estas akirebla *senpage,* do samideanoj en la tuta mondo senescepte, senprokraste, tuj skribu al la adreso, alie ĝi jam estos elĉerpita.

La membroj de l'komitato de la *Japana Esperantista Ligo Fervojista,* kiu helpis la eldonon per senĉesa klopodo, kun granda ĝojo kaj plezuro esprimas dankon al ĉiuj samideanoj en la tuta mondo por ĝisnunaj kaj ankaŭ por estontaj daŭraj instigoj.

Ili esperas, ke oni tre bone montros la potencon kaj taŭgecon de nia lingvo en internacia turismo per viglaj mendoj !!

Adreso estas :

*Direkcio por Turismo* (Kokusai Kankö-Kyoku),
en Japana Fervoja Ministerio,
*Tôkyô,* Japanujo.

---

La *Turisma Fako de Norvega Esperantista Ligo* deziras ricevi ĝis 30-35 ekz. de ĉiuj aperantaj Esperant-lingvaj afiŝoj, broŝuroj ktp. La materialo estas disdonata — propagandcele — al norvegaj vojaĝoficejoj ktp. Raporto sekvos. Bv. sendu la materialon al : F-ino Liv. Sandberg, Poŝtkesto 197, *Bekkelaget* ĉe Oslo, Norveglando.

---

## SPECIALA KURSO DE ANDREO CSEH

Dum la 1-16 Oktobro 1935 okazos en la domo de la Cseh-Instituto (Hago, Riouwstraat 172) elementa kurso de Esperanto, gvidota de Andreo Cseh mem. La lecionoj estos en ĉiu vespero je la 8-a horo (escepte sabate kaj dimanĉe). Dum la samaj tagoj okazos ankaŭ klarigaj prelegoj pri la Csehmetodo kaj ĝia aplikado. La partopreno estas tre rekomendinda por ĉiu, kiu intencas instrui Esperanton laŭ Cseh-metodo. Al la kurso jam aliĝis ankaŭ eksterlandanoj, inter kiuj S-ro Lakshmiswar Sinha el Brita Hindujo.

La Instituto zorgos pri malaltpreza, komforta pensiono en Hago.

Por detalaj informoj oni turnu sin al Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Riouwstraat 172 *Den Haag, Ned.*

---

**VI-a kongreso de Esperantistoj de Ĉeĥoslovaka Respubliko en Brno.**

Ĝi okazos de 27-29 septembro 1935. En ĝi estos diskutataj ĉiuj aktualaj temoj de la movado kaj starigata unuigita enlanda organizaĵo. Amuzan programon de l'kongreso prizorgos ĉefe la Trakt-grupo, konata el tre ŝatataj esperantlingvaj disaŭdigoj de brna radio-stacio. La Komitaton direktas S-ro Jos. Vondroušek, en Brno-N-Černovice.

## KONKURSO

Grava mond-gazeto serĉas titolon por sia Esperanto-rubriko.

Premio : 25 ned. guldenoj.

La granda nederland-lingva semajna gazeto « Haagsche Post » ĵus malfermis Esperanto-lingvan rubrikon, kiu en ĉiu numero publikigos aktualajn artikolojn de Andreo Cseh pri Esperanto kaj la Esperanto-movado. La unua artikolo aperis la 7-an de Septembro.

La redakcio de « Haagsche Post » anoncis internacian konkurson por ricevi taŭgan, trafan titolon por la Esperanto-rubriko. La titolo povas esti unu aŭ kelkaj vortoj en Esperanto aŭ en la nederlanda lingvo. La proponoj devas esti sendataj sur poŝtkarto ĝis la 15-a de Oktobro 1935 al : *Redakcio de « Haagsche Post », Noordeinde 23, Den Haag. Nederlando.* La plej bona solvo estos premiata per 25 ned. guldenoj.

La fakto, ke la « Haagsche Post » alprenis Esperanton, estas gravega, ĉar ĝi estas unu el la plej disvastigitaj kaj ŝatataj gazetoj, aperanta en grandega eldonnombro kaj legata en la tuta mondo, kie vivas homoj konantaj la nederlandan lingvon. Tial estas tre rekomendinde, ke multaj Esperantistoj el diversaj landoj montru sian intereson, partoprenante en la konkurso kaj gratulante al la redakcio. Al interesiĝantoj la redakcio disponigis kvanton de senpagaj specimenaj numeroj.

---

## Peto de la LKK de la Dudeksepa

Samideanoj, kiuj partoprenis la « Dudeksepan » aŭ la « Krozadon » kaj posedas pri ĝi fotografaĵojn, dokumentojn aŭ gazet-eltranĉaĵojn, estas petataj, tuj sendi ilin por starigo de plena kongresdokumentaro. Poŝt- kaj aliaj elspezoj estas repagataj.

Adreso : *Loka Kongresa Komitato, p. a. Esperanto-Centro Itala 92, Gallerio Vittorio Emanuele 92, Milano (Italujo).*

## Margaret Lily Blaise †

Kun ĉagreno ni sciigas la subitan morton de S-ino M. L. Blaise (naskita M. L. Jones), je la 5 Aŭgusto. S-ino Blaise naskiĝis je 30 Aprilo, 1878, en Chester, kaj laboris kiel sekretario ĝis 1900, kiam ŝi fondis komercan lernejon en Liverpool. De 1906 ĝis sia morto, ŝi instruis Esperanton en diversaj vesperlernejoj. Je 11 Junio, 1910, ŝi edziniĝis kun S-ro Paul Blaise longjara komitatano de UEA. Ŝi fondis kaj tri jarojn prezidis la Federacion de Lancashire. Ŝi multfoke paroladis propagande. Ŝi verkis la lernolibron *The Esperanto Manual* (nun elĉerpita) en 1908 ; kaj la broŝurojn *La Profitoj de Esperanto* (1909) kaj *A World Language* (1916).

De la oficiala komenco de la Esperanta Diservo en Londono en 1912, ŝi regule ĝin ĉeestis, kaj ofte ĝin kondukis. En 1925 ŝi predikis ankaŭ en la Katedralo de Ĝenevo. Je Novembro, 1928, ŝi fondis la Duadimanĉan Rondon, kiu post la Diservo kunvenadas en la Hotelo Great Eastern, kaj nun fariĝis rimarkinda centro de l'Esperanta vivo en Londono.

Ŝi majstris nian lingvon. De 1908 ŝi estis membro de la L.K. Ŝi estis ĝiskore ano de la interna ideo de Esperanto. Fervora vegetarano, ŝi reprezentis la Vegetaran Ligon Esperantistan en Anglujo de 1921 ĝis 1933. Ĉiu movado Kristana kaj bonfara trovis en ŝi amikon ne nur per vortoj, sed ankaŭ per faroj.

La enteriga ceremonio okazis la 9 Aŭgusto, en Morden. Ĉeestis multaj Esperantistoj amikoj en kaj eksterlandaj.

UEA perdis en ŝi multjaran kaj honorindan membron. Ni konservas ŝin ĉiam en nia memoro. R.I.P.

Al nia estimata komitatano S-ro Blaise kaj al la funebrantaj parencoj ni esprimas tie ĉi sincerajn kondolencojn.

# La 27-a Universala Kongreso de Esperanto en Italujo

## 3-10-17 Aŭgusto 1935

Ĉi-tiun jaron la esperantistaro havis sian jaran mond-manifestacion en la Sudo de Eŭropo. Rondcifere 1.500 personoj el 37 nacioj sekvis al la kora invito de niaj amikoj en Italujo, kie nia movado estas malgranda, sed serioze organizita. Post plejparta venko de la laŭtempaj malfacilaĵoj Esperanto progresas en la lando. Kaj la sekvoj de granda demonstracio certe estos favoraj. Tio kuraĝigis niajn samideanojn, inviti la universalan kongreson esperantistan por la unua fojo sur teron italan. Samtempe estis farita eksperimento pri propra turisma organizo tre perspektivodona por la movado laŭ diversaj vidpunktoj. Tiel okazis kvazaŭ « verda invado » en la landon, kies efiko montriĝos certe iom post iom. La esperantistoj trairis preskaŭ la tutan landon. Por kroni la aranĝon, estis organizita postkongresa krozado al Afriko.

**Florenco (3.8. 1935)**

De Milano, Venecio kaj Torino kiel punktoj de koncentriĝoj la kongresanoj atingis la unuan haltopunkton oficialan en Florenco. En la salonego de la impona palaco de « Porte Guelfa » Prof. D-ro Canuto kiel rektoro malfermis la Someran Universitaton. La tre multenombra ĉeestantaro tie auskultis la unuan prelegon, tre allogan, de S-ro Julio Baghy-Budapest pri « Dante ». Poste la kongresanoj estis oficiale akceptitaj de la urbestraro en la pompaj salonoj de la « Malnova Palaco » (vidu la bildon en la februara numero de « Esperanto). Al tio sekvis rondveturado per aŭtoĉaroj tra la urbo por havi ĝeneralan impreson. Vespere sekvis agrabla « Interkonatiĝa Vespero » en Galluzo (apud Florenco) kie oni renkontis al novaj kaj malnovaj amikoj. Ne sufiĉis la mallonga restado por ĝui la tutan belecon de la urbo. Sed ni aŭdis, ke sufiĉe da « interesitoj » ie restis ĝis malfrue ĉe glaso da biero. La granda varmo rekte akcelis tion.

La postan antaŭtagmezon (4.8.) specialvagonaroj transportis ĉiujn partoprenantojn de la turisma aranĝo de UEA « Tra Italujo » al la efektiva kongresurbo Romo. Ili alvenis en la frua posttagmezo.

**Romo (4.-7.8. 1935)**

La LKK kore salutis la alvenintojn ĉe la stacidomo kaj direktigis ilin tuj al la hoteloj. Je la 17-a horo jam okazis rondveturado tra Romo. 14 modernaj kaj tre komfortaj aŭtobusoj kolektis la hotelgastojn-kongresanojn ĉe la hoteloj kunviciĝis ĉe la belega Placo d'Esedra kaj de tie ekveturis tra la Eterna Urbo. Ni ne partoprenis la rondveturon. Ni estis okupitaj pri urĝaj laboroj ; krom tio ni jam konas la urbon de alitempa vizito. Sed partoprenintoj esprimis al ni sian admiron pri la multaj historiaĵoj kaj belaĵoj de ĉiu speco, kiujn ili vidis ĉi. Ili preskaŭ ne laciĝis pro la varieco de ĉio, kvankam la veturado tra kaj ĉirkaŭ la urbo daŭris plurajn horojn ĝis la vespero. Multaj samideanoj poste « perdiĝis » ankoraŭ proksime de sia hotelo por sidi trankvile kune kaj priparoli pri la impresoj ricevitaj. Granda nombro da ili saĝe — kaj malgraŭ la varmeco — enlitiĝis pli frue ol kutime, por « dormi provize ». Ili kalkulis trafe, ke dum la postaj tagoj ne restos ia ebleco por tio.

La saman vesperon jam kunsidis, ĝis noktomezo, la Komitato de UEA kun la LKK por fikso de la detaloj de l'kongresa malfermo.

La sekvantan matenon de lundo (5.8.) la gastoj jam devis esti pretaj je la 8,30 horo por vizito al la Vatikan-urbo (Baziliko de Sta. Petro, kaj la vatikanaj ĝardenoj). Samkiel la antaŭan posttagmezon ĉiuj aliĝintoj al la turismaj aranĝoj estis akceptitaj ĉe sia hotelo kaj kondukitaj per aŭtoĉaroj al la celo.

Je la 11-a horo okazis en la « Aŭgusteo » la Solena Malfermo de la Kongreso. Detala raporto pri tiu ĉi impresa kunsido aperas je alia loko de ĉi-tiu numero de « Esperanto ». Ni devas nur substreki tie ĉi, ke laŭ decido de Mussolini, kiel prezidanto de la ministra konsilantaro, la itala registaro estis reprezentita de l'ministro Tumedei, ŝtata subsekretario de Justeco. Ĉi tiu, laŭ tradicio, honorigis la kongreson, mem malfermante ĝin. Posttagmeze je la 15 h. denove kunvenis la komitato de UEA. La kongresanoj ĝuis apartajn ekskursojn aŭ promenadojn. Je la 17 h. Ministro Bottai, guberniestro de Romo akceptis la tutan kongresanaron en la belegaj ĝardenoj de la « Villa Celimontana ». Ceremonie vestitaj gardistoj kaj servistoj zorgis pri la cirkulado. La komitatanoj, oficialaj reprezentantoj kaj kelkaj eminentuloj estis aparte bonvenigitaj kaj regalitaj je pompa bufeto. Okazis la kutima interŝanĝo de afablaj alparoloj. La 100-persona muzikistaro de la Roma polic-orkestro dume aŭdigis vigle belegan muzikon. La fina ludo de « La Espero » kaŭzis longegan aplaŭdon. Vespere ni ĉeestis la lertan prezentadon de la milana grupo de diletantoj, kiu ludis « Kurioza Okazaĵo » de Goldoni. Kun Julio Baghy, kiel reĝisoro, ĝi povis esti nur sukceso. Mardo la 6.8. estis plenigita de vizito al la roma Forumo kun bonega prelego somer-universitata de Prof. D-ro Br. Migliorini. Sekvis la neevitebla fotografado de la kongresanoj, posttagmeze aro da ekskursoj, promenadoj kaj aliaj kunvenoj. Je sama tempo, se mi ne eraras, la komitatanoj de UEA, ŝvitante, diskutis pri problemoj kaj zorgoj de la asocio.

Vespere okazis dua literatura vespero, en kiu oni aŭdis mallongan dramon, alparolojn kaj versojn de S-roj Grenkamp, Prof. Waringhien, D-ro Orengo, Baghy kaj amuzan komedieton. Fine S-ro Kort. Kons. Steiner faris paroladeton pri Aŭstrio.

La 7 Aŭgusto matene okazis la laborkunsido de UEA. Spite al la precizemo de la prezidanto de UEA, ĝi povis komenci nur kun 30-minuta malfruo, ĉar la kongresanoj alvenis nur iom post iom kaj tre malmultnombre. S-ro Generalo Bastien prezentis mallongan, sed konvinkan raporton pri la stato de la movado. Li akcentis, ke precipe en turismo tekniko kaj scienco ni laboris plej sukcese, povante disponigi praktikajn servojn. Parolante pri UEA, li substrekis, ke ĝi laboris tiom, kiom ĝi povis, ne tiom, kiom ĝi volis. Ĝi esperas fini sen deficito en tiu ĉi jaro, sed ĝi daŭre bezonas monon kaj kunlaboron.

S-ro Rob. Kreuz, la direktoro de UEA, kiel komenton al sia 50-paĝa raporto en la Kongresa Libro, donis aron da detaloj pri la laboro, farita en la Centra Oficejo. UEA kredeble trapasis la plej malfacilan jaron de post sia ekzisto. Sed nenia kaŭzo ekzistas por dubi pri ĝi, ankoraŭ malpli pri Esperanto. Li petis pri praktika helpo kaj kunlaboro. Li uzis sian tutan elokventecon kaj konvinkon por varmigi la korojn de la ĉeestantoj por la forigo de malfacilaĵoj, ĝenerale ne-dependaj de ni, tasko sufiĉe sendanka. Bedaŭr-

inde la atmosfero estis tre malfavore influita de la posta diskuto. Unue de atako de S-ino Isbrücker al la direktoro de UEA; ĝi montriĝis kiel maltrafa. Due pro pritrakto de pure nederlanda afero, pri kies detaloj eĉ devis okupi sin estraro kaj komitato de nia centra organizo. Eminentaj komitatanoj de UEA devis insiste esprimi la ideojn de la komitato kaj necesis havi la tutan aŭtoritan de la prezidanto de UEA por haltigi tiun ĉi plej parte personan disputon. Dume posttagmeze denove kunsidis la komitato de UEA en longaj traktadoj, okazis pluraj fakkunsidoj. Aliaj atente sekvis la bone prezentitan prelegon en la Somera Universitato de Prof. Waringhien pri « Esperantaj Poetoj ». Ni estus dezirintaj al la preleganto pli multenombran aŭskultantaron. La tro ampleksa tag-programo ne ebligis al ni esti ĉie. Vespere multaj kongresanoj ĉeestis la festaranĝon en Lido de Romo kun belega artfajrajoj. La « Internacia Balo » kutime havis alian aspekton, sed la veraj dancemuloj estis tamen kontentaj surprizoj, ligitaj precipe al amas-aranĝo. La malfeliĉaj komitatanoj de UEA devis denove kunveni vespere kaj finis noktomeze. En la aŭlo de la Reĝa Universitato samtempe okazis interesaj prelegoj de la « Somera Universitato » pri la « Vesuvo kaj Pompejo » de Prof. D-ro Canuto kaj de D-ro Orengo kiel ĉef-aranĝantoj kaj anstataŭantoj.

*Pompejo kaj Vesuvo.*

Frumatene de Vendredo 2 elektraj vagonaroj transportis grandan hom-amason esperantistan al Pompejo. Ĝis tagmezo ĉiuj partoprenintoj estis saturitaj pri ĉio vidinda kaj vidita, spite al senpacienco konstatebla vidi ankoraŭ pli. Parto revenvoje jam kuniĝis por rekte viziti la Vesuvon. Aliaj, ne-irintaj al Pompejo alveturis post-tagmeze el Napolo kun la sama celo. Malfeliĉaj direktantoj, gvidistoj kaj helpantoj. Ĉu amaso estas kondukebla per individua bonvolo al la sentoj de ĉiuj aŭ nur per rigora, deviga ordo senescepta por ĉiuj?



La oficiala Akcepto ĉe la Guberniestro de Romo

En la mezo: L. E. Ministro Bottai kaj Generalo Bastien

turniĝi en la malvasta loko disponebla. La konkurso pri Naciaj Kostumoj estis la kulminacia punkto por pluraj fieraj virin-koroj.

Ŝajnas, ke tiu ĉi aranĝo, for de la ĉefurbo, en rava loko, tamen estis sekvo, ke ne nur la scivolemaj kongresanoj, sed eĉ la plej fervoraj komitatanoj ne venis al la publika kunveno de la « Konsilantaro de UEA » jaŭdon matene. La prezidanto de UEA malfermis kaj fermis tuj la kunvenon pro manko de ĉeestantoj. Aŭ ĉu tio ne estas aperaĵo de iaforma paralelismo, preskaŭ superflua, de nia interna organizo, posteaĵo de la malnova? Sendube la horo estis tre malfavora; oni ja devis enpaki por la forveturo al Napolo.

**Napolo (8.-10.8. 1935)**

Je la 13 horo de Jaŭdo la 8.8. 2 longaj specialvagonaroj forlasis la stacidomon de Romo. Ili estis plenaj de multaj bonhumoraj, sed lacaj esperantistoj. Ni ne parolas pri la karavanestroj kaj aliaj laborantoj sufiĉe elĉerpitaj. En grandega varmo, post bela veturado, rekomencis la ekspedado al la hoteloj kun ĉiuj agrablaĵoj, malagrablaĵoj, malfacilaĵoj kaj Feliĉe nevenkebla bonhumoro, ŝercemo kaj pacienco de seriozaj helpemuloj povis protekti la organizantojn meritplenajn kontraŭ absoluta elĉerpiĝo.

Pri la anoncitaj prelegoj de la S.U. ni ne povas raporti pro foresto. Certe ankaŭ la komitatanoj de UEA estis elĉerpitaj; la lasta kunsido fiksita estis enigita en la programon de la Krozado.

Jen! Jam la lasta tago de l'Kongreso, Sabato la 10.8., tamen unu el la plej memorindaj. Jam antaŭ la 7-a horo matene ekskursemuloj kuniĝis, laŭ fiksita grup-sistemoj sur la vaporŝipoj, kiuj transportis ĉiujn al la belega insulo Capri. Ĉe iro aŭ reiro (por faciligi la organizon) la ŝipoj haltis por viziti, per boatoj, al la vidinda Blua Groto. Ankaŭ tiuj, kiuj ne veturis al la groto admire parolis al mi pri la ekskurso. Aliaj, kiuj ne riskis la elspezon aŭ ne povis ĝin fari vagadis tra Napolo, banis en la maro aŭ ripozis. Ĉirkaŭ la 16 h. oni revenis al la kongresurbo.

Je la 17 h. (aŭ pli vere je la 17,25, pro la kutima malfruo de la kongresanoj) okazis en la pompa, luksega Teatro S. Carlo la



Teknika diskuto

F-ino Prof. Mellina, Prof. Dro. Canuto, Direktoro Kreuz, Maldekstre : Sro. Camurri

*Ferma Kunsido*

Prof. D-ro Canuto post mallonga saluto sin turnis, en itala lingvo al la ĉeestantaj reprezentantoj de la aŭtoritatoj por klarigi al ili la celon de Esperanto kaj de la kongreso. La bonega parolado ne povis resti sen impreso. Poste la parolon havis Generalo Bastien por la adiaŭ de la kongreso. Lia unua danko estis direktita al ĉiuj italaj aŭtoritatoj en la urboj, kie okazis ia aranĝo por la Kongreso, pro la bonvolo, helpo kaj subteno al nia kunvenado, precipe en Romo kaj Napolo. Plej korajn vortojn li adresis al la italaj samideanoj, kiuj — nur malmultnombraj — faris grandegan laboron. Neniam antaŭe kongreso necesigis tiom da preparo kaj laboro en div. lokoj, ĉar ĝi estis vera « rulkongreso », diris Generalo Bastien. Ne-povante citi ĉiujn nomojn parkere li menciis krom la federacia prezidanto Generalo Markizo Cordero de Montezemolo kaj la Kongres-prezidanto Prof. Stefano La Colla unuavice D-ron Inĝ. Orengo kaj lian helpantinon Fraŭlinon Prof. Paola Mellina, kiuj, faris mirindaĵon, preskaŭ miraklon, por prepari la kongreson. Varmajn parolojn li diris pri Prof. D-ro Canuto, S-ro Minnaia, Prof. Fresco, D-rino Minio, Prof. D-ro Migliorini (kiu edziĝis je la sama tago), pri S-ro Baghy (kiu helpis multrilate, precipe pri la literatura parto) pri la teatro-grupo, pri la oficistaro de la Centra Oficejo kaj precipe pri la direktoro de UEA S-ro konsilisto Kreuz ; specialan dankon li esprimis al la prelegantoj de la Somera Universitato. Li substrekis la turisman karakteron de ĉi tiu kongreso kaj fakte faris nur unu kritikon, nome, ke ĉi tiun fojon multaj grupiĝis kun siaj samnacianoj, parolante la gepatran lingvon. Ni estas kongreso de esperantistoj el ĉiuj landoj, kiuj kunvenas por formi la esperantistan popolon. Pro tie estas necese, lerni Esperanton sufiĉe bone, por ke en niaj kongresoj nur sonu la lingvo Esperanto. En Francujo, kiam mortis la reĝo, oni kriis : La reĝo mortis, vivu la reĝo ! — La Roma Kongreso finiĝis, vivu la Viena kongreso ! S-ro Malmgren informis pri la bonaj sekvoj de la Stokholma Kongreso, dume S-ro Kort. Konsilisto Steiner invitis ankoraŭfoje, tre elokvente, aliĝi al la kongreso de Vieno. Post dank-esprimo de Prof. D-ro Canuto en la nomo de ĉiuj italoj finiĝis la kunsido per kanto de la himno. La kongreso estis fermita. Tuj poste la urbestraro de Napolo akceptis kaj regalis la kongresanojn en la historia urbdomo (Nova Kastelo), gesto treege afabla kaj ĝentila, ne tro konvene konsiderita de multaj partoprenintoj.

Vespere la krozadanoj enŝipiĝis sur « Sinaia ».

## La Kongresa Krozado al Afriko (10.-17.8. 1935)

Pli ol 650 personoj sekvis al la invito de unua kaj nova iniciato, de Krozado al Afriko, per aparte luita ŝipo sub esperantista flago. La ŝipo « Sinaia » de la Kompanio Fabre en Marseille forlasis Napolon je Dimanĉo tre frue, dum la unuaj horoj. Ne tre multaj rimarkis la sufiĉe bruan ekveturon. Ĉiuj dormis profunde, unuan fojon trankvile, sen la perspektivo devi kuregadi ien, malproksimen, je la proksima mateno. Belege prezentiĝis la tirena maro matene. Ne tro rapide, sed trankvile, la ŝipo iris sian vojon. La maro cetere estis trankvila dum la tuta veturado. Tagmeze oni pasis la vulkanon Strombolo, poste la markolon de Mesino. Pasis la posttagmezo, pasis la vespero kaj la nokto. Lundon matene la ŝipo jam enveturis la grandan havenon de la insulo Malto por halti en La Valetta. La tago estis plenigita per vizito de la urbo : mankas spaco por ĉion priskribi. La unua kaj lasta impreso : ĉi tie komenciĝas la Oriento. La ĝenerala ordo tamen estas tipe angla. Interesas nin ankoraŭ la lingva aspekto. La publikaj oficistoj (policistoj, doganistoj) la agentoj indiĝenaj parolas bone la anglan lingvon. Multaj krom tio parolas sufiĉe la italan. Sed la tuta popolo ĝenerale parolas la ne malbelsonan maltan lingvon de araba-fenika deveno. Post la 16-a horo la ŝipo bedaŭrinde jam devis forlasi Malton direkte al Libio. Varmegaj tago kaj nokto. Dume oni aŭdis, en la programo de la Somera Universitato bonegan prelegon de D-ro Orengo « Afrika Mondo », bazanta sur spertoj el propra vivado. Je Mardo matene la « Sinaia » albordiĝis frumatene en Tripolo sub arda sunbrilo. Ankaŭ la restado en tiu ĉi haveno sekvigis viziton, unue de la tre moderna eŭropa parto de la urbo — itala aspekto — kaj de la araba kaj hebrea kvartaloj — la vera Oriento. Posttagmeze oni ekskursis al la Oazo, kaj aliaj al Leptis Magna kaj Gasr Garian. Tripolo mem montras en sia tuta ĉirkaŭo la sukcesan italan kolonian laboron kaj ĝian progreson. Kiu atendas vidi la dezerton seniluziiĝos. Vastaj plantaĵejoj okupas ĝian antaŭan lokon. Bonegaj ŝoseoj kondukas al diversaj direktoj. Meze de la afrika kaj orienta panoramo, precipe ekster la urbo, kun sia tutnuanca popolaro, siaj azenoj, azenetoj, kameloj, arabaj farmejoj, trenantaj karavanoj (ho, « Mil kaj unu noktoj ») kontrastas eŭropaj kampdomoj, laborejoj, ĉaroj, aŭtomobiloj malnovegaj kaj tre modernaj, indiĝena soldato nudpieda sur nova biciklo. La senfina, senakva dezerto estas hodiaŭ 100 kilometrojn

La Krozado



« Sinaia » en Palermo

malproksima. (Tiel neniu el la heroa krozadanaro renkontis eĉ unu leonon.)

La samon nokton la « Sinaia » reveturis por halti en Sicilio. Sekvis 1 ½ tagoj de trankvila mar-veturado; ioma ŝipmoviĝo malsanigis tamen kelkajn personojn. Jaŭdon matene la ŝipo atingis Palermon. Ni konatiĝis tie kun la beleco de Sicilio. Dum tuta tago la krozadanoj pleniĝis per impresoj de tiu interesa urbo, promenadis, veturis, ekskursis posttagmeze kaj ĝuis la oficialan akcepton fare de la urbaŭtoritatoj.

Nokte je la 2 h. nia ŝipo ekkomencis la lastan veturon por la partoprenintoj. Nun, kiam preskaŭ finiĝis la krozado, eĉ la plej kritikemaj personoj kaj la senspertuloj alkutimiĝis al la ŝip-veturado kaj al ĉiuj ĝiaj aperaĵoj. Post 2 taga naĝado surmara laŭlonge de la itala marbordo, ni ekvidis frumatene la italan Rivieron. La ŝipo albordiĝis ĉe la havena kajo de Ĝenovo sabaton matene la 17 aŭgusto ĉirkaŭ la 8,30 h.

### En Ĝenovo (la 17.8. 1935)

La oficiala akcepto de la kongresanoj okazis tuj post la elŝipiĝo kaj ne, kiel antaŭvidite, laŭ la programo, vespere. Tiel sufiĉe da personoj ne partoprenis tiun ĉi solenon, kvankam la afablaj samideanoj de Ĝenovo (kaj precipe la policanoj kun Esperanto-stelo) kondukis la alvenantojn rekte al la celo. Posttagmeze okazis la fermo de la S.U. en la belega reĝa universitato. Tie Prof. D-ro Canuto parolis entuziasme, dankante al la aŭtoritatoj kaj esperantistoj, dume S-ro Baghy, aparte invitite, faris ankoraŭ tre aŭdindan prelegon pri la « Kultura valoro de Esperanto ». Sekvis inaŭguro de standardo por la grupo de Ĝenovo, kiun F-ino Lydia Zamenhof transdonis per kelkaj solenaj vortoj. Prof. D-ro Canuto deklaris la Somer-Universitaton fermita. Plenvoĉe la ĉeestantoj kantis la esperanto-himnon.

La kongreso estis finita, fermita la Somera Universitato; finiĝis la krozado kun senfina riĉeco pri impresoj kaj spertoj, belegaj horoj kaj tagoj, kelkaj momentoj da surprizo malagrabla kaj de malkontenteco pri iuj detaloj, sed kun koro plena de emocio. Forpasis 2 semajnoj kvazaŭ 1 tago — kaj tamen, kiom multe da horoj! Neniam en niaj postmilitaj kongresoj ni vidis tiom da koraj adiaŭoj kiel en Ĝenovo, kuraĝiga signo pri la utileco de internacia kunvivado por la homaro. Kaj ni konsciis en tiu ĉi momento, ke ankoraŭ pli ol ĝis nun, ni devas ami nian idealon. Ke ankoraŭ pli ni devas ŝati ĉiujn batalantojn por ĝia realigo. Ke ni devas ankoraŭ pli respekti la pionirojn, kiuj, per pena, seninterrompa agado — ĉiu je sia loko — celas nur fari seriozan laboron kaj, individue elĉerpiĝante, kune faras superhoman streĉon por certigi plian progreson de Esperanto.

### Kritiko — Konsekvencoj — Konkludo

Ĉiu laboro sekvigas kritikon. Seriozaj laborantoj ĝin atendas, ĉar objektiva kritiko akcelas kaj instruas por plia laboro. Ĉu ni devas diri, ke tia ampleksa aranĝo havis sufiĉe da mankoj, eĉ havis kelkajn gravajn mankojn. Iuj havis kaŭzon por plendoj jam en Florenco. Tie pro specialaj cirkonstancoj (pri kiuj ni estas bone informitaj) ne funkciis iu detalo de la rondveturo. Aliaj kritikis, ke ili ne ĝustatempe aŭ tute ne ricevis la dokumentaron. Ne, ĉar ili ĝin devis legi pli frue aŭ eĉ posedi nepre, ne, ĉar momente ili estis senhelpaj. Tute ne, nur ĉar oni regule disdonas dokumentaron, havas rajton pri ĝi, ĉar la kotizopago tion antaŭvidas. Post la farita sperto oni aranĝos la disdonon en pli praktika maniero je nova okazo. Certe ankaŭ en pli favoraj cirkonstancoj. La kongreso en Italujo havis tute novan aspekton, tiun de granda turisma aranĝo, de « rulanta kongreso » kun ĉiuj, tute logikaj, malavantaĝoj. Laŭ la faritaj spertoj oni estinte devas eviti la eviteblajn komplikaĵojn. Partoprenintе en multaj similaj aranĝoj, grandegaj kaj malgrandaj, ni scias, ke absoluta perfekteco ne estas ebla. Cetere, multaj komplikaĵoj kaj malfacilaĵoj estis kaŭzitaj de nekomprenemo kaj senpacienco de granda aro de kongresanoj, precipe tiam, kiam en ia manko ankaŭ la organizintoj estis viktimo de ne-antaŭvideblaj cirkonstancoj aŭ devis adaptiĝi al ekzistanta situacio. Ili mem faris efektive ĉion, jes, ĉion, por kontentigi ĉiujn.

Laŭ vidpunkto de organizo de la Esperanto-laboroj ni devas nur konstati, ke mankis en la kongresurboj Romo kaj Napolo ia fiksa punkto de koncentriĝo de l'esperantista vivo persona. En Romo ja ekzistis la « Akceptejo » en la Universitato, kie dumtempe renkontis la esperantistoj. Sed ĝia akademio karaktero ne povis doni al la renkontejo la noton, kiun ŝatas « la ordinara civitano ». Kondiĉoj malegalaj kaj ne ŝanĝeblaj, precipe en grandega urbo.

La intencita kvalito fariĝis ioma manko pro troa riĉeco de programo, aparte turisma. La ĝeneva centro, kiu siaparte respondecas pri la tuto, ĝustatempe klopodis eviti tion. La cirkonstancoj kelkfoje estas pli fortaj ol la prudento kaj la bona intenco.

Prave oni plendis pri la mankoj, konstatitaj en la krozado. Se duan krozadon oni iam organizos, la farita sperto estos valora indikilo. Estis konate, ke la unue luita pli granda ŝipo itala « Leonardo da Vinci » ne povis esti metata je nia dispono. Ĉu estas klarigotaj la malfacilaĵoj trovi alian ŝipon, ĝis la organizantoj sukcesis lui la ŝipon « Sinaia » de la Kompanio Fabre en Marseille?

Evidentiĝis nur dum la krozado, ke tiu ĉi ŝipo estis ne sufiĉe konvena por nia aranĝo, ke la kompanio promesis tro kaj plenumis malpli multe. La LKK estis unue trafita per tio; kaj ĝiaj membroj fariĝis la malfeliĉaj viktimoj de koncentritaj plendoj. Nur la bonvola subteno de kelkaj personoj kaj la interveno de la Komitato de UEA povis faciligi ilian klopodon, helpi al forigo de la ĉefaj mankoj, al solvo de efektive kritikindaj kazoj kaj al laŭebla kontentigo de la karavanestroj, kiuj siaparte respondecante, devis trankviligi la plendantojn, precipe ne-esperantistajn el sia kunvojaĝantaro. Ni ne deziras paroli tie ĉi pri la granda pretendemo de iuj, kiuj en sia regula vivo devas ekzisti pli modeste. Ni ankaŭ ne volas raporti tie ĉi pri kelkaj detaloj, en kiuj la partoprenintoj neniel respektis la nivelon de organizacio de edukitaj homoj. La rilataj instancoj faris tiom da spertoj, ke ili konas la konsekvencojn por la estonto. Nia simpatio ankaŭ direktiĝas al la komisaro kaj la servistaro de la ŝipo, kiu faris sian plejeblon por kontentigi la krozadanojn.

Ni ankoraŭ povas kritiki la laboron de la komitato de UEA dum la kongreso. Sed ĝi estas internaĵo, kiu estas reguligota je sia loko. La gvidantoj de la movado havas siajn taskojn kaj limojn internajn kaj eksterajn. Ni jam parolis pri la bonegaækstera efiko de la kongreso, kiu unuvice devas interesi nin pro la devoj, kiujn ĝi donas por la daŭrigo de la komencita laboro.

La koncernaj instancoj de la movado devas tiri la necesajn praktikajn konsekvencojn el la faritaj spertoj. La konkludo, kiun ni povas kaj devas objektive fari, estas nur unu:

**La Dudeksepa, kiel tuto, estis grandega sukceso por Esperanto!**

# Solena Malferma Kunsido de la Dudeksepa
## la 5 aŭgusto 1935 en la Koncerta Domo " Aŭgusteo " en Romo

La aspekto de la Malferma Kunsido, okazanta ĉiujare laŭ esence sama ordo, ŝanĝas en ĉiu universala kongreso. Ĝi dependas de lando kaj popolo, kiu ĝin organizas, de lokaj cirkonstancoj, de la oficiala intereso kaj fine de la partoprenantoj mem. Ĉi tiun fojon la mondkongreso estas malfermata en ejo, treege ligita kun la historio de la Eterna Urbo. La « Augusteo » iam estis maŭzoleo, konstruita en la epoko de la unua imperiestro de la roma regno, Augusto, en la jaro 28 a. Kristo. Dum la mezepoko ĝi estis fortikaĵo. En 1870 ĝi estis transformita kiel amfiteatro kaj nun servas al la muzik-arto. Kiel kutime, mallonge antaŭ la komenciĝo, la salonego estas plenplena. Ĉirkaŭ 1.500 personoj ĉeestas. En la unua vico de la seĝoj sidas invititaj gastoj, eminentuloj, oficiroj, reprezentantoj. Sur la galerio, malantaŭ la podio, ornamita de la itala kaj Esperanto-flagoj kaj de la blazono de Romo, troviĝas la roma polica orkestro, muzikistaro 100-persona.

Precize je la 11 horo trumpet-signalo anoncas la ĵuŝan alvenon de la reprezentanto de la itala registaro, konforme al decido de la prezidanto de l'konsilantaro de la ministroj. Eksonas la naciaj himnoj, kiujn aŭskultas la ĉeestantoj starante. Tuj poste leviĝas *L. E., la Ŝtata Subsekretario Tumedei, Ministro de Justeco,* por malfermi, en itala lingvo, la kongreson en la nomo de L. M. la Reĝo de Italujo, de Lia Ekscelenco Benito Mussolini, ĉefo de la registaro kaj por saluti kaj bondeziri la kongresanojn el 35 landoj. S-ro Univ. Prof. D-ro Bruno Migliorini tradukas la alparolon en Esperanton, interrompata de vigla aplaŭdo.

*S-ro Ernfrid Malmgren,* ĝenerala sekretario de la 26-a Universala Kongreso en Stokholmo, kiel anstataŭanto de la prezidinto, S-ro Rektoro Jansson, proponas la sekvantan kongres-estraron, aklame akceptatan :

| | |
|---|---|
| Hon. Prezidanto : | S-ro Generalo Markizo Cordero de Montezémolo. |
| Prezidanto : | S-ro Prof. Stefano La Colla, Romo. |
| Vicprezidantoj : | S-ro Prof. D-ro Inĝeniero Rinaldo Orengo, Milano ; S-ro Lerneja Direktoro Schamanek, Vieno ; S-ro Boutwood, Hastings (Britujo) ; S-ro D-ro A. Pitlik, Prago ; S-ro Nasif Mahrus, Fajum, Egipto ; S-ro D-ro J. Couteaux, Parizo ; S-ro Prof. P. Christaller, Stutgarto ; S-ro D-ro Loyola, Logronjo, Hispanujo ; S-ro D-ro Agost Benárd, deputito, Budapesto ; S-ro Univ. Prof. Asai, Nagasaki, Japanujo ; S-ro Instr. P. Baas, Amsterdamo ; S-ro Univ. Prof. D-ro Bujwid, Krakovo ; S-ro D-ro Söderberg, Stokholmo. |
| Konst. Ĝen. Sekretario : | Robert Kreuz, Ĝenevo. |



Malferma kunsido — La estrara Podio

Ĝen. Sekretarioj : S-ro Prof. Francesco Fresco, Romo ; S-ro Luigi Minnaja, Romo ;

Sekretarioj : F-ino Prof-ino P. Mellina, Milano ; S-ro Pietro Pace, Milano ; F-ino D-rino Carolina Minio-Paluello, Venecio.

*S-ro Stefano La Colla* okupas la prezidantan seĝon por diri la jenon :

## Alparolo de S-ro. Stefano La Colla, Romo

Ekscelencoj ;
Estimataj Sinjorinoj kaj Sinjoroj,
Karaj Samideanoj ;

Estas mia plezura devo vin danki en la nomo de la elektita estraro kaj en mia persona nomo por la granda honoro, al ni farita, per via elekto : ni penos plenumi kiel eble plej kontentige la devojn de la oficoj al ni konfiditaj.

Mi vidas ĉirkaŭ mi multajn eminentajn personojn ; ili bonvolu pardoni min, se mi ne aparte salutas ilin, sed mi deziras speciale danki gesinjorojn Zamenhof, kiuj korpe simbolas, ke spirite nia amata Majstro estas inter ni. Kaj poste permesu al mi, saluti en la nomo de ĉi tiu kongreso, la italajn aŭtoritatulojn, kiuj bonvolis, ĉeestante, igi pli solena nian feston kaj per sia helpo faciligis al la Loka Kongresa Komitato la aranĝon kaj preparadon.

Li tiam sin turnas al la ministro per la sekvantaj paroloj en itala lingvo :

Ekscelenco,

En la nomo de 1.500 esperantistoj, kiuj venis el ĉiuj partoj de la mondo, mi havas la honoron, saluti vin kaj esprimi al vi la dankojn pro la plivalorigo de nia festo per ĉeesto de Via Ekscelenco.

La plej viglaj esprimo de nia tuta rekono kaj nia sindona respekto direktiĝas al Lia Excelenco Benito Mussolini, ĉefo de registaro, pro lia afableco konsenti pri okazigo de ĉi tiu kongreso en nia lando.

Estis deziro de la organizantoj de la kongreso diskonigi en plej vastajn sferojn la mirindajn progresojn, kiujn faris kaj faras Italujo sub la impulso kaj laŭ la direktivoj de Mussolini. Pli estas certaj, ke tiurilate ili ne maltrafis sian celon, dank' al la helpo morala kaj materia, kiujn profitigis al ili la aŭtoritatoj.

Al ili kaj antaŭ ĉio al la Ministerio de Gazetaro kaj Propagando kaj al la Gubernio de Romo iras la danko de ĉi tiu kongreso. *(Aplaŭdo.)*

*(Traduko el la itala lingvo.)*

Kaj li daŭrigas denove en Esperanto :

Mi promesis plenumi kiel eble kontentige la devojn de mia ofico, sed jam ĉe la una paŝo mi trovas, ke mi tro taksis mian forton. Laŭ nia kutimo, mi devus diri al vi ion taŭgan por la nuna solena okazo.

Ho ve, karaj gesamideanoj, kiom mi bedaŭras en ĉi tiu momento, ke mi ne kapablas prezenti al vi flugilhavan paroladon aŭ lirikan poemon. Sed mi nek naskiĝis poeto, nek fariĝis oratoro, mi povas nur diri al vi per simplaj vortoj la emocion, kiun mi sentas, ĉeestante ĉi tiun grandan kunvenon.

Dum tridek jaroj mi estis fidela kaj fervora, sed modesta ano de nia movado. De mia loketo mi, kun miro, kun entuziasmo, kun kortuŝo vidis kiel la ŝipeto Esperanto baraktis sur la ondegoj de malfavora oceano ; mi vidis ĝin venkanta la danĝeran kirloventon de la reforma movado, supernaĝanta la teruran uraganon de la mondmilito ; mi vidis, ke la ŝipeto fariĝis ŝipo, kiel « *Sinaia* », kaj mi estas certa, ke morgaŭ ĝi superos eĉ la oceanan ŝipegon « *Normandie* ». Kiu, starante, kiel mi, en la lastaj vicoj de nia anaro, povas rigardi de fore la lokon atingitan de la nunaj vicoj, tiu, kaj nur tiu, povas ĝuste kaj juste taksi la vojon trairitan. Kaj, kvankam la celo estas ankoraŭ malproksima, tio, kion nia anaro jam faris, estas garantio por la estontaj sukcesoj. Tiel en la kampo de la praktikaj aplikoj, kiel same en tiu de nia literaturo, ni povas prave fieri.

Sed al kio ni ŝuldas la akiritajon ? Ne malplaĉu al niaj praktikemaj samideanoj : ni ĝin ŝuldas al la ' interna ideo ', ni ĝin ŝuldas al tiu nedifinebla kaj tamen sentebla io, kio nobligas nian lingvon, nian aferon, nian celon, al tiu sento, kiu inspiras, sen ilia scio, eĉ niajn praktikistojn. Nur per tiu altirforto, nomu ĝin laŭplaĉe entuziasmo, kredo, idealemo, estas eble klarigi, kial tiom da homoj diversaj de nacio, aĝo, situacio, oferas tempon, monon, laboron, plej ofte atendante nek rekompencon, eĉ nur moralan, nek rekonon. Ĝi estas tiu forto, kiu inspiris nian Majstron, preskaŭ lin devigis elpaŝi kun sia projekto, al kies sukceso li ĉion oferis, kion li havis. Ĝi estas la sama sento, kiu antaŭen-pelas niajn pionirojn, niajn gvidantojn, kiu kuntenas kaj subtenas la esperantistan popolon. Sen la ' interna ideo ' nenio estas farata, nenio atingebla.

Rigardu la landon, kiu vin gastigas. Ĉu la mirindajoj, kiujn vi vidas, la progreso, la ordo, la vivimpeto ne estas la sekvoj de la mistiko kreita de la viro, kiu direktas la italan destinon, kaj revivigis la influon de la antikva Romo ?

Eble vi ne malkonsentos, se mi diros, ke ni esperantistoj venis al Romo kun la sento de filoj. Ĉu Esperanto ne estas la lastenaskita filo de la glora latina lingvo ? Laŭ la trafa moto de la itala Federacio : nova lingva signo, latina tamen animo. Ĝiaj pli aĝaj fratoj estas certe pli gloraj, pli famaj, sed Esperanto fieras, ke en ĝi respeguliĝas la trajtoj de tiuj fratoj, ke en ĝia malvasta korpo estas entenata la esenco mem de la civilizacio deveninta de Romo.

Romo, interalie, faris el modesta dialekto de kampuloj kaj paŝtistoj la lingvon de la tuta mondo. Kaj la efiko de tiu fakto ankoraŭ nun daŭras, ankaŭ ĉar ĝi estas la lingvo de la katolika eklezio. Sed la efiko estas iom pli malforta, de kiam la lingvoj de la aliaj nacioj akiris memkonscion kaj certigis sian vivorajton.

Kaj ni italoj estas certaj, ke la Eterna Urbo ankaŭ en ĉi tiu okazo ne rezignos sian historian mision, disradii grandajn ideojn al la tuta homaro kaj ke ankaŭ Romo, kune kun la aliaj mondaj ĉefurboj, akcelos la finan venkon de Esperanto.

Kaj nun, karaj samideanoj, permesu, ke mi rememorigu pri ĵusa mortinto, ĉirkaŭ kiu ĝis preskaŭ la lasta momento la batalo furiozis. Mi aludas sinjoron Markizon de Beaufront. Malgraŭ lia rolo post 1907, ni Esperantistoj ne povas forgesi la grandan ŝuldon, kiun ni havas al li por lia agado en la jaroj ĉirkaŭ la fino de la deknaŭa kaj la komenco de la dudeka jarcentoj : la floradon de la franca periodo li iniciatis. Kaj eĉ pro liaj eraroj ni devas esti al li dankemaj. Li estis homo kun tre komplika animo kaj plie nesincerema. Ni eble neniam konos la veran motivon, kiu lin instigis prezenti sian projekton. Eble li vere opiniis, ke li tiel savos Esperanton. Kaj efektive li ĝin savis, sed tute alimaniere ol li pensis. Per sia iniciato li nur sukcesis pruvi la vivantecon de nia lingvo, li igis konsciaj pri tio ĝiajn uzantojn, ĝi montris, ke ekzistas esperanta popolo. Kaj tiu esperanta popolo, kiun vi ĉi tie reprezentas, neniam permesos, ke Esperanto mortu sed ĝi nepre ĝin kondukos al triumfa venko.

La kongresanaro vigle kaj kore aplaŭdas tiun ĉi altnivelan alparolon de la kongres-prezidanto.

Post li ekprenas la parolon la prezidanto de UEA por la kutima kongres-parolado.

## Parolado de S-ro Intendanto-Generalo Louis Bastien, Prezidanto de UEA

Karaj Gesamideanoj,

Unue mi havas la grandan plezuron min turni al nia Kongresprezidanto, kaj diri : Neniu kredis al vi, kiam vi volis montri vin tro modesta. Ĉiuj Esperantistoj scias, ke vi estas unu el niaj eminentaj membroj, ke, malgraŭ viaj temporabaj funkcioj, speciale kiel redaktoro de la granda itala Enciklopedio, vi partoprenas en la LKK, kies gravan laboradon ni jam povis ŝati, ke vi estas unu el la plej kompetentaj membroj de nia Lingva Komitato, ktp. Tial ni ĉiuj gratulas kaj salutas vin.

Mi kuniĝas kun nia prezidanto, por danki la aŭtoritatojn, kiuj bonvolas ĉeesti, ankaŭ la Turisman Klubon Italan, kiu oficiale invitis nin kaj helpis al la Kongreso. Eble mi devus ankaŭ danki niajn italajn amikojn, kiuj dum unu tuta kriza jaro kun granda fervoro preparis tiun ĉi belan kongreson ; sed kutimo estas pagi nur, kiam oni ricevis la varojn ; tial mi rezervas miajn laŭdojn ĝis la lasta kunsido.

Pia tradicio postulas ke, en tiuj ĉi ĝojplenaj momentoj, nia penso iru unue al niaj mortintoj. Maurice Barrès skribis en fama frazo : « La homaro konsistas el pli da mortintoj, ol da vivantoj ». Kiam Esperanto estos triumfinta, la sukceson oni ŝuldos grandparte al tiuj sennombraj mortintoj, kiuj ofereme laboradis por idealo, kaj ne vidis la finan rezultaton de siaj penadoj. El ĉiuj niaj kolegoj mortintaj dum tiu ĉi jaro mi volas citi nur unu : S-ron Behrendt, Konsilisto en la Regna Poŝta Ministerio en Berlino. La tutan liberan tempon kiun lasis lia alta ofico, li dediĉis plene al Esperanto, precipe sur la praktika kaj teknika kampoj, kaj li ĉiam sciis kunigi

fortan amon al patrujo kaj sindonon al la idealo. Vi memoras pri lia unuaranga rolo dum la Kolonja Kongreso. Lia morto estis grava bato por nia movado en Germanujo. Al li, kaj al ĉiuj aliaj mortintoj, ni dediĉu nian penson dum kelkaj momentoj. *(Silenta ekstaro de la kongresanoj.)*

Ankaŭ pri la vivantoj ni devas pensi. Prof-ro La Colla bonege rememorigis pri ĉeesto de kelkaj membroj de la Zamenhofa familio. Ili permesu, ke mi salutu en iliaj personoj la nomon tiel karan al ĉiuj samideanoj. *(Vigla aplaŭdo.)*

Mi ne povas citi ĉiujn eminentajn ĉeestantojn : ili pardonu. Sed mi devas mencii pri unu neĉeestanto : la respektinda Generalo Markizo Carlo Cordero de Montezemolo, Prezidanto de la Itala Esperantista Federacio, kiun malsano detenas for. Mi proponas, ke la Kongreso sendu al li telegrafe, kun koraj bedaŭrosentoj, bondezirojn por rapida resaniĝo. *(Aklamo.)*

Karaj Gesamideanoj,

Por la unua fojo, mi, kiel prezidanto de UEA, havas la honoron alparoli vin dum la solena malferma kunsido de nia Kongreso. Mi ĝojas, ke tiu mia paroladobapto okazas en Romo, la plej fama urbo en la universo pro siaj historiaj kaj religiaj memoraĵoj, pro siaj ĉiuspecaj monumentoj, antikvaj kaj modernaj, pro siaj riĉegaj muzeoj kaj artaĵoj.

Romo, kia impona nomo ! La urbo, kiu konkeris la mondon per siaj armeoj, same kiel ni, esperantistoj, volas konkeri ĝin per la konvinko !

Dum miaj junecaj studoj, kelkfoje mia spirito haltis, pensante pri tiu kvazaŭlegenda historio, pri tiu popolo, kiu akiris superpotencon kaj disverŝis sian civilizacion sur la tutan mondon. El ĉiuj superpotencoj en la antikvaj tempoj, Romo estis la plej vastega, la plej firma, la plej influa, la plej daŭra. Kaj mi demandis la klerulojn, kiuj kaŭzoj naskis tiun trudfortecon. Kaj nun, mi pensas, ke la Esperantistoj povus lerni multon el tiu miriga konkero.

Sian potencon Romo ŝuldis malpli al siaj geografiaj kondiĉoj ol al siaj moralaj virtoj : kontinueco en la politiko, firmeco de la principoj, kuraĝo en senĉesaj bataloj. Grekujo havis siajn heroojn, siajn grandajn civitanojn ; Romo kreis la tipon de la heroo, de la civitano. Sian firmecon ĝi moderigis per malrigideco ; ne forgesante la principojn, ĝi kapablis cedigi la regulon laŭ lokoj kaj epokoj. Ĝi scipovis la arton alligi al sia sorto reĝojn kaj popolojn, favorante ilian *praktikan* intereson. Ĝi administris kaj organizis. Per tiuj rimedoj ĝi starigis sian superpotencon sur firmegan fundamenton ; per tiuj rimedoj iĝas komprenebla la profunda stampo, kiun postlasis ĝiaj soldatoj, ĝiaj juristoj.

El ĥaosa mondo ĝi faris harmonian tutaĵon ; ĝi starigis la romanan pacon, kaj la mondo venkita dankis.

Ankaŭ ni, Esperantistoj, revas pri konkero de la mondo. Kaj, same kiel Romo, ni bezonas principojn por nin direkti, kuraĝon por batali, kontinuecon por finsukcesi.

Ĉu mankas al ni principoj, kiuj gvidu nin ? Ĉu ni ne posedas firmegan principon, kiu resumiĝas en unu vorto : la interna ideo, levilo sufiĉa por suprenporti la mondon ?

Ĉu mankas al ni kuraĝo, la kuraĝo necesa en nia senĉesa batalo kontraŭ niaj ĉiamaj malamikoj : indiferenteco, inerteco, rutino ? La preskaŭ duonjarcenta historio de nia movado ebligas certigi, ke al la Esperantistoj ne mankas kuraĝaj pioniroj, veraj apostoloj.

Ĉu mankas al ni la kontinueco, la persisto en nia laborado ? Ho ! mi scias, ke tiu virto ne estas facila, ke kelkaj iom laciĝis, ĉar ili opiniis, ke la sukceso alvenas malrapide. Tiun laciĝon antaŭvidis nia Majstro, kiam li proklamis :

*L'espero, l'obstino kaj la pacienco,*
*Jen estas la signoj, per kies potenco*
*Ni, paŝo post paŝo, post longa laboro,*
*Atingos la celon en gloro.*

Sed sufiĉas, ke mi rigardu ĉirkaŭ mi, ke mi memoru pri tiom da senlacaj apostoloj, por certigi, ke ne mankos tiu obstino.

Romo kreis tipon de heroo kaj de civitano. Vera Esperantisto devas esti tipo de idealisto, kiu batalas, ne por sia propra intereso, sed por la bonô de la homaro. Sed li scias, ke ne ĉiuj homoj estas idealistoj, pretaj flankenlasi la profiton ; tial, same kiel Romo, ne forgesante siajn principojn, li tamen devas allogi la profitemulojn per ĉiuspecaj *praktikaj* internaciaj servoj. Tiamaniere, iom post iom kaj senkonscie, la nuna ĥaosa mondo fariĝos harmonia popolaro, kaj ĝi dankos al ni, ne la antikvan romanan perfortan, sed la verdan interkonsentan pacon. *(Longa aplaŭdo.)*

Sed ankaŭ alian virton ni devas posedi, kiun ne bezonis la Romanoj, ĉar iliaj soldatoj estis ligitaj per rigida disciplino.

Ni anoncas al la mondo la pacon, la benitan pacon ; ni promesas ĝin per tutmònda interkompreniĝo. Sed ĉu sufiĉas lingva interkompreniĝo por trudi la pacon ? Se ĝi sufiĉus, neniam oni estus aŭdinta pri internaj militoj. Lingva interkompreniĝo estas rimedo por atingi spiritan interkompreniĝon, sen kiu la samlingveco estus nur oportunaĵo por praktikaj celoj kaj ne valorus tiom da sindono, tiom da oferoj. Sed kiuj personoj devas prezenti al la mondo tiun belan modelon de spirita interkompreniĝo, se ne la Esperantistoj, kiuj senĉese predikas la pacon ? *(Aplaŭdego.)*

La granda religio de la Eŭropaj popoloj proklamas maksimon, en kiu sidas ĝia tuta esenco : « Amu unu la alian ! » Kaj de preskaŭ du mil jaroj tiu maksimo estas proklamata, instruata, komentata, admirata, sed — ho ve ! — neofte praktikata. Facile estas krii : « Mi amas la homaron » ; multe malpli facile, praktiki tiun regulon en ĉiutaga vivo.

Ofte oni diras : « Nekonato estas malamiko ; oni batalas inter si, tial ke oni ne konas sin reciproke ». Pri tiu tro simpla maksimo mi tre dubas. Senhezite kaj senpene ni amas la lapojn, la patagonojn, ĉiujn lapojn, ĉiujn patagonojn ; ili loĝas malproksime, ili ne ĝenas nin. Sed ofte ni batalas kontraŭ tiuj, kun kiuj ni rilatas ĉiutage, kies difektojn kaj mankojn ni konas, kaj kiuj konas la niajn. Kaj, ĉar oni konas neniun pli bone ol la amikojn, tre ofte la amikoj estas la plej kritikataj. Kaj eĉ inter samideanoj naskiĝas tiaj disputoj.

Jes, amo estas peza ŝarĝo sur homaj ŝultroj, malgraŭ la belaj paroloj. Antaŭ ĉio, ĝi bazas sin sur alia virto malpli altnivela, sed necesega : la toleremo. Kaj mi volus, ke ĉiuj samideanoj praktiku almenaŭ la maksimon : « Toleru unu la alian ! », ĉar sen tolero, neebla paco. (Longedaŭra, ripetita aplaŭdo.)

Esperantujo estas bela libera lando, lando sen ĝendarmoj. *(Ridado.)* Tial la samideanoj devas memvole trudi al si disciplinon, ĉar sen disciplino armeo fariĝas senorda grego, kaj neniu venko estas ebla. Al kio utilus la unueco, kiun ni efektivigis en niaj centraj instancoj, se tie ĉi kaj tie formiĝus partioj, kiuj batalus inter si, anstataŭ batali kune por la komuna celo ? Certe, kiam kiu ajn movado disvastiĝas sukcese, kiam plimultiĝas la anoj, diversaj partioj formiĝas : tio estas leĝo de la sukceso. Sed ne alvenis la momento, kiam

ni ne plu bezonos severan disciplinon. La batalo, kiun ni kondukas por triumfo de nia ideo, estas ankoraŭ multe tro akra, por ke ni rajtu permesi al ni tiun dispecetiĝon de niaj rimedoj.

Tial al la malpaciĝantoj, al la malpaciĝontoj mi volus krii: « Vi estas certa pri via praveco en tiuj internaj kvereloj; bone ! Sed ankaŭ via kontraŭulo sincere kredas sin prava. Do: Toleru unu la alian ! Rigardu nur al la bono de Esperanto; forjetu ĉiun pripersonan disputon aŭ atakon; rezignu ĉian falsgloreton, ĉian fifierecon, kaj marŝu al la komuna batalo kun mano en mano ! »

Tiam, sed nur tiam, la Esperantistoj rajtos proklami, ke ili alportas la pacon al la mondo, ĉar ili venkis internajn malpacojn, ili venkis sin mem, kaj tio estas la plej malfacila venko !

La antaŭan jaron, ni vizitis la plej nordan ĉefurbon en Eŭropo, kaj belega ekskurso kondukis multajn el ni trans la ĉirkaŭpolusan rondon. Nun ni estas transportitaj en la plej sudan parton de Eŭropo, en landon de suno kaj lumo, kaj morgaŭ multaj el ni ŝipveturos ĝis Afriko. Ĉu oni povus imagi pli trafan simbolon ? De la plej nordaj ĝis la plej sudaj landoj, de la malvarma glacio ĝis la tropika suno, sub ĉiuj klimatoj, en ĉiu parto de la tero, nia kara Esperanto, nia bela arbo, ĉiam kreskanta, ĉiam plifortiĝanta, kolektu la homojn el ĉiuj nacioj, el ĉiuj rasoj, sub la ombron de sia verda foliaro !

*(Laŭ stenografaĵo (Stolze-Schrey) de Rob. Kreuz.)*

Longedaŭra, vigla aplaŭdo estas la evidenta dankesprimo de ĉiuj ĉeestantoj al la prezidanto de UEA pro tiuj ĉi elkoraj pensoj, kiuj pli grandigas la solenecon de la horo.

La *Konst. Ĝenerala Sekretario* nun konigas la registarojn, kiuj reprezentigas sin en la kongreso. Kelkaj el la diplomatiaj reprezentantoj direktas salutojn al la ĉeestantoj.

## Registaroj reprezentitaj

| | |
|---|---|
| **Ligo de Nacioj** : | * Internacia Instituto de Intelekta Kooperado, Parizo : S-ino ĉefredaktorino Fallot; Internacia Labor-Oficejo, Ĝenevo : S-ino Margherita Berio, sekretariino de la Koresp. Oficejo en Romo. |
| * **Aŭstrio** : | S-ro Adrian Rotter, ambasadoro (Ministerio de Ekst. Aferoj). |
| **Brazilo** : | S-ro Jacome B. de Berenguer Cesar, Sekretario de la Ambasadorejo, Romo (Ministerio de Ekst. Aferoj). |
| * **Francujo** : | S-ro C. Rousseau, Parizo (Ministerio de Publ. Instruado). |
| * **Hungarujo** : | S-ro Eksmin. Agost Benárd, Budapesto (Ministerio de Kultoj). |
| * **Liĥtenstejno** : | S-ro Kom. Konsilisto Rob. Kreuz, Speciala Komisaro de la Registaro. |
| * **Nederlando** : | S-ro Prof. Inĝ. Isbrücker, Hago (Ministerio de Publika Instruado kaj de Bel-Artoj). |
| **Portugalujo** : | S-ro Ministro D-ro Lobo d'Avilo Lima, Romo (Ministerio de Ekst. Aferoj). |
| **Usono** (Kalifornio) : | S-ro Univ. Prof. D-ro Van Zandt, Hollywood, Of. reprezentanto de la ŝtato Kalifornio. |

*S-ro Kreuz* citas la instituciojn, kiuj estas reprezentitaj (*) aŭ sendis bondezirojn por sukceso de la kongreso. Li voĉlegas tradukon de bondezira letero de L.E. Markizo G. Medici del Vascello, Ŝtata Subsekretario de la prezidanteco de la Konsilantaro de l'Ministroj, kiu pro foresto de Romo ne povas ĉeesti, plue bondezir-telegramojn de L.E. Edmondo Rossoni,



**Malferma Kunsido. — Rigardo al la Kongresanaro.**

Ministro de Agrikulturo kaj de l'Arbaroj, de L.E. Luigi Razza, Ministro de l'publikaj Laboroj kaj de L. E. Grafo Ciano, prezidanto de la Faŝista Ĉambro de Deputitoj, pro sama kaŭzo. Laŭtlego de telegramo de F-ino Dr-ino Sofja Zamenhof kaŭzas apartan aplaŭdon.

### Listo de Institucioj (Korporacioj)

**Eksterlando:** Aŭstria Radiotrafika Kompanio, Vieno; Direkcio de la Konsula Akademio, Vieno; * Internacia Federacio de Universitataj Virinoj, Londono; * Internacia Foiro de Lyon; Komerca Ĉambro, Barcelono; Komerca Ĉambro, Parizo; * Komerca kaj Industria Ĉambro de Budapesto; Konstanta Oficejo de la Internaciaj Sport-Federacioj, Parizo; Nacia Ligo de Instruistoj (Nat. Union of Teachers); Sav-Armeo, Londono; Smithson-Institucio, Vaŝingtono; Svisa Fervojista Unio, Berno; Urba Turisma Oficejo, Budapesto.

* **Italujo:** Asocio de la Ekstera Gazetaro en Italujo, Romo; Eldonejo A. F. Formiggini, Romo; « I Diritti della Scuola », Semajna Revuo Ilustrita de la Lernejo kaj Instruistoj, Romo; Institutoj Unuigitaj « Meschini — Nacia Instrua kaj Eduka Instituto »; Itala Marista Ligo; Kolonia Instituto Faŝista; Liceo-Gimnazio « Kolegio Nazareno », Romo; Liceo Roma; Nacia Asocio de l'Militintoj; Nacia Asocio de la Italaj Ŝpar-kasoj; Nacia Organiso por la artmetiistoj kaj la malgrandaj industrioj (Komerca Sekcio); Provinca Komitato por la Turismo, Romo; Reĝa Biblioteko Vallicelliana; Reĝa Lernejo por Akcelo Profesia « Cola di Rienzo », Romo; Reĝa Instituto de Komerca Tekniko, Romo; Reĝa Societo Itala de Geografio; Ŝtata Subsekretariejo por la Gazetaro kaj la Propagando (Ĉefdirektoro por Turismo).

La programo estas daŭrigata per imponega prezento de itala marŝo, ludata de la 100-persona muzikistaro; ĉi tiu rikoltas varman aplaŭdon pro tio.

Kiel sendito de la familio Zamenhof, *Ludoviko Zamenhof*, la fileto de D-ro Adam Zamenhof, tre aplaŭdate, salutas la kongreson.

*S-ro Kreuz* poste alvokas la reprezentantojn de la landaj organizoj por la tradicia saluto.

### Listo de la parolantoj-reprezentantoj de la landaj organizoj

Aŭstrio : S-ro Kort. Konsil. Hugo Steiner; Belgujo : S-ino F. Staes; Britujo : F-ino Moxon; Ĉeĥoslovakio : S-ro D-ro Augustin Pitlik (por ĈAE), S-ro Franz Hub (por GLĈ); Egipto : S-ro Nassif Mahrus; Estonio : S-ino Vanda Nummelin; Francujo : S-ro Petit; Germanujo : S-ro Teo Jung; Hispanujo : D-ro Loyola (por HEA); S-ro D-ro Marian Sola (por KEF); Hungarujo : S-ro Julio Baghy; Japanujo : S-ro Egami; Jugoslavio : S-ro Joŝko Kozlevĉar; Latvio : S-ro Kr. Strazds; Nederlando : S-ro Prof. D-ro Baart de la Faille; Norvegujo : S-ro Ditlefsen; Polujo : Prof. D-ro O. Bujwid; Svedujo : S-ro Dro. Beckmann; Svislando : S-ro D-ro Ed. Spielmann; Usono (USA) : S-ro Hamann.

Je fino de la salutado la prezidanto *S-ro Stefano La Colla* dankas al la ministro kaj ĉiuj reprezentantoj pro ilia ĉeesto, ripetante siajn bondezirojn por la kongreslaboro.

La polica muzikistaro brile ludas la esperanto-himnon « La Espero ». Ĉiuj kongresanoj starante kunkantas. La eĥo ankoraŭ postsonas, kiam malpleniĝo de la salono montras la finon de la festa kunsido. (*Fino 13,15 h.*)

## La Kunveno de la Komitato de UEA dum la Dudeksepa

Dume la ordinaraj kongresanoj ĉeestis aliajn aranĝojn aŭ ĝuis liberecon pri sia temp-uzo, la komitatanoj de UEA sub la prezido de Ĝeneralo Bastien pritraktis en 6 kunsidoj en Romo kaj Napolo — krom tio dum la krozado — aron da gravaj demandoj kaj problemoj de la movado. La Kunvenon ĉeestis la sekvantaj komitatanoj : S-roj Baas, Bastien, D-ro Bujwid, D-ro Canuto, D-ro Couteaux, Goldsmith, Isbrücker, Malmgren, D-ro Orengo, Petit, Steiner kaj la direktoro de UEA, S-ro Kreuz. La 1-a Kunsido en Romo okupiĝis plej parte pri la program-starigo por la ceremonia malfermo laŭ propono de la Konst. Ĝenerala Sekretario de la kongresoj kaj la LKK, krome pri elekto de la prezidantoj, vicprezidantoj, sekretarioj k.a.; plue pri la listo de l'naciaj parolantoj. En la 2-a kaj la sekvantaj kunsidoj estis pritraktitaj 8 gravaj program-punktoj. La prezidanto de UEA, S-ro Ĝeneralo Bastien, donis raporton pri la situacio de la movado kaj mallongan komentaron al la paĝa raporto de la direktoro. Rezultis el ĝi, ke la ĝenerala stato de la movado ne estas malfavora, spite al ĉiuj malfacilaĵoj de la nuntempo. Ankaŭ la situacio de UEA montras pliboniĝon, kvankam ĝi estis pli malbona, en vero, ol oni povis supozi kaj konkludi laŭ la konstatoj, jam faritaj, en Stokholmo. S-ro Kreuz, direktoro de UEA, kompletigis la sciigojn per pliaj detaloj; li ankoraŭfoje esprimis sian bedaŭron pro tio, ke la grava nerv-akcidento, kies viktimo li fariĝis, en fino de 1934, en permesis al li fari pli ol li efektive deziras esti farinta.

Estis pritraktitaj, kaj faritaj decidoj, pri proponoj, kiuj antaŭvidas ke la Komitatanoj donu sian opinion pri la funkciado de la asocio per skriba voĉdono almenaŭ unu fojon ĉiujare, ekster la regula kunveno dum la Kongresoj; ke por tiu skriba kunveno, la diversaj Komitatanoj rajtu antaŭprezenti sugestojn kaj proponojn diskonigotajn al ĉiuj Komitatanoj pere de la Centra Oficejo; ke la komitatanoj ricevu ĉiujn detalajn protokolojn pri la kunvenoj dum la kongreso, antaŭ la 1 novembro de la kuranta jaro; ke la Komitatanoj ricevu la raporton de la direktoro almenaŭ unu monaton antaŭ la kongreso. (*Propono S-ro Petit.*)

D-ro Couteaux prezentis interesan konsilaron pri la ampleksaj taskoj de delegito de UEA. Montriĝis en la diskutado, ke la realigo de la tre laŭcelaj detaloj renkontas grandegajn malfacilaĵojn. S-ro Goldsmith diris, ke, almenaŭ en Britujo, neniu estus preta devigi sin al ĝia plenumo. S-ro Kreuz esprimis saman vidpunkton ĝenerale kaj atentigis pri tio, ke temas pri honoroficaj personoj, al kiuj oni ne povas ordoni. La detaloj estas rediskutotaj.

S-ro Petit donis raporton pri la tre gratulinda rezulto de la Esperantista Dusemajno en Francujo, kies imito en aliaj landoj estas absolute rekomendinda.

Sufiĉan tempon foruzis la diskuto pri la financa stato de UEA. La direktoro montris la gravan reiron de la enspezoj de la asocio en 1935. Li atribuas ĝin al la daŭra krizo en ĉiuj landoj, parte al la fido-krizo pri UEA, post la okazintaĵoj de Stokholmo kaj plejparte al la migrado de aktivaj membroj al la kategorio de « simplaj membroj » por nur 50 sv. centimoj. Li substrekis la necesecon pli-altigi la enspezojn de la asocio per pli intensa helpo en div. landoj. La budĝeto por 1935, fiksita de la Estraro en sia eksterordinara kunveno en Ĝenevo (25.-28.9.34), ĉar la komitato de UEA ne findiskutis

la rilatajn detalojn en Stokholmo, montris, ke krom la probable certaj enspezoj, pliaj sv. frk. 10.000 estas necesaj por labori sendeficite. S-ro Kreuz povis aldoni, ke, malgraŭ la granda reiro de enspezoj, la faritaj reduktoj kaj ŝparoj verŝajne permesos fini la jarkalkulon de 1935 sen deficito. Por informo li konigis la budĝeton por 1936, submetitan al la estraranoj, laŭ la sama formo, kiel tiu, fiksita de ili mem por 1935. Ĝi restas laŭsume *sub* la nunjara budĝeto. La direktoro tamen aldonis, ke la reale efektivigitaj reduktoj kaj ŝparoj atingis la limon de eblecoj laŭ la nunjara aktiveco, konsiderita kiel nesufiĉa de pluraj komitatanoj. Pro tio la sumo de pliaj enspezoj necesaj (krom la probable certaj) de sv. frk. 11.000 *devas* eniri. Tio estas ebla nur per pli intensa helpo en la div. landoj. La prezidanto klarige aldonis, ke certaj ŝparoj tute ne plu estos eblaj sen endanĝerigo de la fundamenta programo de UEA, ekzemple la aperigo de nura suplemento al la jarlibro, anstataŭ kompleta eldono. Al tio sekvis longa, parte principa, diskuto. Kvar komitatanoj konsideris ne-akceptebla la budĝeton. La spekulacie enmetotan plian enspezon ili simple konsideris kiel kaŝitan deficiton antaŭviditan. Sen ĝi la plena laborprogramo tamen ne estas plenumebla. La diskutado ne alportis alian solvon de la malfacilaĵoj. Ĉar la kompetenteco pri la budĝeto apartenas al la estraro (§ 25 de la statuto) la prezidanto ekzamenos kun la direktoro alian formon de la prezento. Estas decidite, estonte ebligi rekomendojn kaj konsilojn por la budĝeto antaŭ ĝia submeto al la estraro.

Jam je alia momento la prezidanto mem devis atentigi pri la limoj de la kompetenteco de estraro kaj komitato, ĉar alie oni devus demandi sin, ĉu la unue nomita instanco estas necesa.

Sub la sama punkto estis diskutita ankoraŭfoje la detaloj pri la jarlibro 1935 kaj la aperigo de suplemento. Konkludo, tre trafa, estis, ke nunjare la cirkonstancoj estis pli fortaj ol ni, sed, ke sen kompleta jarlibro en estonto ni ne povos vivteni la intereson por UEA. Estis akceptita propono de la direktoro pri plifortigo de la varbado de patronoj fare de la landaj asocioj speciale por certigi aperon de kompleta Jarlibro.

Tre delikatajn punktojn tuŝis la propono Petit-Couteaux rilate la necesaĵojn por certigi grandan efikon de la jubilea kongreso en Varsovio (1937-50 jaroj de Esp.). Estas decidite fari ampleksan propagandon por tio. S-ro Petit ankoraŭ prezentis proponon de la franca societo « Esperanto kaj Komerco » pri starigo de similaj asocioj en aliaj landoj. S-ro Kreuz laŭtlegis proponon de la « Komerca Esperanto-Unio » en Dresdeno pri la sama propaganda tereno.

S-ro Kort. Konsil. Steiner donis raporton pri la stato de la kongres-preparoj kaj akceptis aron da proponoj kaj sugestoj. Samtempe li klarigis la aranĝon de la novaspekta Somera Universitato. Pliaj detaloj estos traktataj de la LKK kun la Centra Oficejo.

Fine la komitato diskutis pri la principa allaso de 2-a landa asocio en esceptaj cirkonstancoj laŭ § 18 de la statuto de UEA. Ĝi rilatis eksplicite al postulo de la nove fondita « Tutnederlanda Esp. Ligo (TEL). Jam la Estraro de UEA devis sin okupi pri la afero kaj malakceptis ĝin per skriba voĉdono kun 5 : 1 voĉoj kaj 1 sindeteno (Komp. « Esperanto », pĝ. 72-8, Majo 1935). Konkludo de la plurhora diskuto estas, ke neniu cedo povas esti farata koncerne la unuecon de la organizo, fiksita per la « Interkonsento de Kolonjo » kaj la nuna statuto de UEA. Sekve de tio la komitatanoj adoptis kiel sian *unuanime* kontraŭ 1 voĉo kaj 1 sindeteno la paskan rezolucion de la estraro kun la rekomenda decido al LEEN (Komp. « Esperanto », pĝ. 72(8), Majo 1935, 1-a kol.) kaj per tio malakceptis la postulon de TEL.

Aparte menciinda estas ankoraŭ la decido de la komitato, kiu antaŭvidas, ke cirkuleroj aŭ cirkuler-leteroj de komitano al aliaj komitatanoj ne estu dissendataj rekte, sed nur pere de la Centra Oficejo de UEA. La prezidanto povas, laŭbezone, aldoni klarigojn pri la koncerna afero.

Sur la ŝipo « Sinaia » estis ankoraŭ priparolitaj kelkaj aktualaj aferoj.

## EDZIĜOJ

Fraŭlino Marie Thérèse Bonnefoy, sekretariino de la estonta Esperantista Grupo el Divonne-les-Bains, kun S-ro François Clapot.

S-ro Arsenio Moreira da Silva, Del. UEA en Jagaquara kun Fraŭlino Ercilia Cristoford Moreira, Coelho Bastos (Min.) Brazilo. (25.5.1935).

S-ro Johano-Sipke Stuit kun Fraŭlino Simone-Marie Decaudin, Arras, (P.-de-C.) France (6.7.1935).

S-ro Alojzio M. Macek, Bratislava kun Fraŭlino Milhálová (Aŭgusto 1935).

Sincerajn bondezirojn.

## ONI DANKAS !

*** S-ro Geo W. Roome (Prez. T.A.G.E.) deziras tre kore danki al delegitoj kaj aliaj U.E.A.-anoj, kiuj tiel afable helpis lin dum vizito al Nederlando, precipe en Rotterdam, Arnhem, Groningen kaj Enkhuizen.

*** S-ro Bj. Beckman gimnazia profesoro, Karlskrona (Svedujo), sentas la deziron precipe laŭdi la bonegajn servojn de S-ro André Schild, Del. UEA en Basel. Ĉiurilate, koncerne ĉambron, akompanadon tra la urbo kaj peradon ĉiuspecan, li agis kiel modela delegito.

*** S-roj G. Mell kaj J. Wilkinson, Darlington, tre dankas al S-roj Walter, Vanselow, Isner, Ellersiek, Ge-sroj Lindemann, F-ino Dittmann kaj aliaj en Berlino pro helpo kaj samideaneco dum libertempo en la germana ĉefurbo.



**Pro troa materialo por tiu ĉi eldono, parto devis esti remetata al la oktobra numero.**

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

*c.r.*: certe respondos.
*dez.*: deziras.
*f-ino*: fraŭlino.
*gaz.*: gazeto.
*intŝ.*: interŝanĝo.
*k.ĉ.l.*: kun ĉiuj landoj.
*kor.*: korespondi.
*L.*: Letero.
*p.ĉ.t.*: pri ĉiu temo.
*PI*: poŝtkarto ilustrita.
*PK*: poŝtkarto.
*PM*: poŝtmarko.
*s-ino*: sinjorino.
*sro*: sinjoro.

Kursanoj dez. korespondadon (ne kun Germanujo, Aŭstrio) Alfred Rabes, Schruns (Vorarlb. Aŭstrio.

*Görlitz* en Silezio, (Germanujo), Zeppelinstr. 13. S-ro G. Langner kor. nur per PK montrantaj naciajn kostumojn. intŝ. esperantajojn.

*Louny* 95 (Ĉeĥoslovakio). Jar. Budinka, Del. U.E.A., intŝ. PM., PK., L., kun ekstereŭropanoj.

*Inokuma*, Kioto (Japanujo). S-ro Kinmacu Kimura, Kamitaĉiurisagaru, dez. kor. nur kun akuŝistinoj en ĉiuj landoj.

*Drancy* (Seine, Francujo). Kolektantoj ,sendu viajn dezirojn por senpaga anonco en « Filatelisto Esperantista ». R. G. Mélo, 30 Chemin Vert.

*Hôganäs* (Svedujo). Stormgatan. S-ro Johansson, dez. kor. k.ĉ.l., prefere kun hebreoj. L. PI.

*Sft. Gheorghe* (Rumanujo). S-ro Ladislav Biró teks-desegnisto, L. p., ĉ.t., PM., fotoj.

*Delft* (Nederlando). S-ro Sigon, de Vriesstraat 22, dez. kor. kun alilandanoj kaj intŝ. PM. C.r.

*Gijón* (Hispanujo). S-ro Justo del Campo, str. Villaviciosa 83, pri abelkulturado, enlanda, antikva kuraco ; moroj kaj aliaj temoj k.ĉ.l. precipe orientaj. C.r.

*Juazeiro* (Bahia, Brazilo). S-ro Jayme M. Souza inĝeniero PI, k.ĉ.l. C.r.

*Zlatê Moravce* Ĉeĥoslovakio). S-ro Triboro Hiller dez. kor., intŝ. PM., kaj ŝakludi kungesamideanoj el ĉiuj landoj, per L. kaj PI.

*Trondheim* (Norvegujo). S-ro Ragnv. Rian, Box 178, dez. intŝ., PI., kun ekstereŭropanoj.

*Sala* (Svedujo). S-ro Curt Eksell intŝ. PM kĉl. Ĉiam respondas.

*Sala* (Svedujo). S-ro Sture Cronqvist intŝ. PM kĉl. Ĉiam respondas.

*Gjatsk. Zapad. obl.* (Sovet-Unio) Esperantistoj (geinstruistoj kaj gelernantoj) dez. kolektivan kaj individuan korespondadon pri div. temoj kun geinstruistoj, gelernantoj, intelektuloj kaj gelaboristoj el tutmondo. Al ĉiuj tuja kaj nepra respondo. Adreso : S. Motkin.

*Nagykállo* (Hungarujo). S-ro Jenö Czifra, PM kĉl. aŭ kvante. C.r.

*Maroeuil* (Pas-de-Calais, Francujo). S-ro Lucien Laloux, konstruisto, dez korespondantojn por siaj lernantoj, 15-18 jaraj, kĉl. C.r.

*Puncov, pošto Trinec,* (Silezio Ĉeĥoslovakio). S-ro J. Štĕpán, instruisto, L., PI., kĉl., PM. Ĉiam respondos.

*Praha XII* (Ĉeĥoslovakio). S-ro Harry Khel, oficisto, Lobkovicovo nám. 2311, L., PM., art. fotoj, E-glumarkoj. Respondos ĉiam.

*Istanbul (Konstantinopolo).* (Turkujo). *Librejo « Esperanto »* korespondas kun ĉiuj landoj kaj plenumas ĉion rilate Turkujon. Respondas kontraŭ afranko. Adreso : Lûben Petrof-Beyoğlu Jeni Carsi, Bostanbasi caddesi, N° 27-29, Istanbul (Turkujo).

*Helpu al la Turisma Propagando !* Petu de la Kuraca Komitato de Budapest « Kurkomision », V., Vigadotér, la belajn ilustritajn prospektojn pri Budapesto en Esperanto ! Petu afiŝon pri Budapesto kun esperanta teksto.

## ESPERANTO-VERKISTOJ EL ĈIUJ LANDOJ

**Notu !** **Notu !**

Dum la lastaj jaroj mi seninterrompe laboras je mia nova verko « Enciklopedia Vortaro ». Se vi vidis mian antaŭan verkon, la « Universala Esperanto Metodo », vi povas iom imagi la gigantecon de la nuna entrepreno.

Mi ankoraŭ ne estas preta por doni detalan priskribon pri ĉi tiu verko kun ĝiaj multaj novaĵoj. Tian mi publikigos siatempe. Nun mi deziras mencii nur unu fazon, kiu necesigas la helpon de diversnaciaj kunlaborantoj.

El la multaj miloj da vortoj, kiuj konsistigas la « Enciklopedian Vortaron » mi elektis 5630 plej ofte uzeblajn vortojn, kiuj post traduko en 50 diversajn lingvojn, estos uzataj laŭ ellaborita plano, en tia maniero, ke ĉiu lingvo, en diversa kombino kun la 49 aliaj lingvoj, formos 100 nacie-diversnaciajn vortarojn. Kaj ĉar mi uzas en la verko 50 lingvojn, sekvas, ke la verko enhavos 50 × 100 = 5.000 ĉiutage uzeblajn vortarojn el po 5.630 vortoj. Kiel ekzemplon ni prenu kiun ajn el la lingvoj, ekzemple la ANGLAN. La verko enhavos 100 anglo-diversnaciajn vortarojn, nome — Anglan-Francan, Francan-Anglan ; Anglan-Rusan, Rusan-Anglan ; Anglan-Turkan, Turkan-Anglan ; Anglan-Persan, Persan-Anglan ; Anglan-Japanan, Japanan-Anglan ; kc. kc. tra la tuta serio de la 50 lingvoj. Sammaniere la verko enhavos 100 turkajn-diversnaciajn vortarojn, 100 Rusajn-diversnaciajn vortarojn, 100 Bulgarojn-diversnaciajn vortarojn k.t.p. por 100 vortaroj por ĉiu alia el la 50 uzataj lingvoj, entute do 5.000 vortarojn.

Nu, mi proponas, ke vi traduku tiun « Liston da Vortoj » en vian nacian lingvon laŭ la plano kaj instrukcioj, kiujn mi sendos al vi kune kun la « Listo de Vortoj » tuj post la ricevo de via akcepto. Se okazas, ke vi mem ne povas entrepreni la taskon, mi petas, ke vi bonvolu rekomendi iun kompetentan esperanto-verkiston, kiu volonte akceptos la proponon. Pagi al vi por via laboro mi ne povas, sed por iom rekompenci vin, mi sendos al vi tuj post la ricevo de la tradukita manuskripto du ekzemplerojn de mia 560 paĝa verko « Universala Esperanto Metodo » ilustrita per 11,000 bildoj, kies prezo estas $4.00 Usonaj dolaroj po ekzemplero. Mi ankaŭ sendos al vi du ekzemplerojn de la « Enciklopedia Vortaro », tuj kiam ĝi estos presita. Via nomo aperos je la kapo de la nacia vortaro tradukita de vi. Se dezirinde, mi sendos al vi la instrukciojn antaŭ ol vi akceptas, por ke vi vidu, ĉu vi povas entrepreni la taskon.

Malgraŭ tio, ke mi elsendis multajn leterojn al diversnaciaj esperanto-verkistoj, nur la jenaj personoj akceptis dume : Dalmau (Hispana), Bleier (Hungara), Kostin (Rusa), Kristjansson (Islanda), Tokeris (Litova), Ivanov (Bulgara), Novak (Ĉeĥa), Bourguignon (Franca), Uitterdijk (Holanda), Indra (Latva). Comstock (Sveda(. Kompreneble mi ne plu akceptos kunlaborantojn por la supre cititaj lingvoj.

**D-ro Wm. S. BENSON,**

Benson School of Esperanto,

719 High Street,

**Newark, New Jersey.**

(U.S.A.)

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 838-9-35.